


Lernantoj el la mezgrada lernejo en Ayahohoue, **Benino,** lando, kie okazis la konferenco de ILEI en 2008. La klasanoj ricevis instruon de s-ro **Latifou Gbadamassi** en **Esperanto** pri sorobano. (azia kalkulilo)

**Vidu paĝon 34**

# De Kunmingo al Hanojo

Kio pli ĉina ol drako-danco? Jen kulmino de arta spektaklo dum la 45a Konferenco de la Instruistoj en ILEI, kiu okazis ĝuste en la Arta Kolegio de Kunmingo – ties studentoj prezentis al ni tion!



La etulo en nia kovrila bildo estis fotita en Suda Ĉinio, survoje de Kunmingo, la ĉefurbo de la provinco Junnano, al la landlimo kun Vjetnamio. Kvardek tri partoprenintoj de la 45a konferenco de ILEI veturis buse, kun tagmanĝa paŭzo. Tie sur la ŝtupoj sidis tri geknabetoj, vigle kaj diligente brosantaj la dentojn. Jen bildo de almenaŭ unu el ili! (Foto: smg)

La postan matenon, post nokta trajn-vojaĝo, la grupo atingis la 97a Universalan Kongreson de Esperanto en Hanojo.


Foto: Song Jeong-ok

# Nia oferto!









# Enkonduko - kun grava alvoko!

Jen brava ĉiu-kontinenta numero de nia revuo. Azia kovrilo, Afrika prezentaĵo en nia rubriko 'Interkulturo', Amerika kontribuo sur paĝo 8, kaj pri Aŭstalazio... nu, ni ne volas malkaŝi tion tuj... sed vi trovos tion.

Nia dua intervjuo aperas revu-meze. Ne estis intenco, ke intervjuiĝu familiano de la redaktoro, sed ne alvenis mendita intervjuo - do ne intervjuas unu patro sian filon, sed alia patro sian filinon. Aperis kovrile tra la jaroj fotoj de filinoj MacGill, emfazindas ke tiuj neniam estis truditaj; la kovrilestro, Géza Kurucz, ĉiam insiste petis ricevi tiujn fotojn.

Sur paĝo 40, ĝuu mirindan teatraĵon – imagu, tiu verko estis prezentita sur podio en la germana en Germanio. Ni bonvenigas la verkon, kaj volonte aperigos pliajn.

Jen do bona numero, eĉ se vi devis tre pacienci por finfine ricevi ĝin. Kiel redaktoro, mi bedaŭras tion, sed mi ne pardonpetas. Estis dekomence evidenta, ke maleblas, ke unu persono rolu kiel ĝia redaktoro kaj samtempe esti la prezidanto de ILEI, la Ligo por Instruistoj, kiu eldonas la revuon. Tial ni delonge alvokis trovi novan redaktoron. La alvoko el la antaŭa numero aperas denove nun - sur paĝo 9. Kiel komprenigi la gravecon ricevi reagojn kaj proponojn? Silentado mortigos nian revuon. Dek kvin jarojn ĝi luktas sen aparta varba respondeculo, sen aparta prizorganto de nia revua retejo. La revuo fortiras ĉiujare milon da eŭroj el la financoj de ILEI – malnecese, nur pro manko de kunlaboremuloj. Eĉ pli grave, la sola maniero havi ĝustatempajn numerojn estas la tuja trovo kaj enpostenigo de nova redaktoro por duono de la revuo. Komprenu, la nuna situacio ne daŭrigeblas - ĝi paneigas kaj la revuon kaj ILEI. Frue en 2013 - ĝis la fino de februaro plejlaste - sen konvena nova redaktoro - mi elektos koncentri miajn fortetojn je unu el la du roloj kaj demisios el la alia.

*Juna amiko* havas 39-jaran historion. Ĝi estas la sola restanta fizika revuo por lernantoj de la lingvo, specife en lernejaj kuntekstoj. Unu post unu, ni vidis tra lastaj jaroj la perdadon de multjaraj Esperantaj institucioj. Niaj strategiaj planoj devas ne nur plani bravajn antaŭpaŝojn, ili devas ankaŭ protekti niajn atingojn. Reta instruado havas grandajn rolon kaj estontecon, sed historio montras, ke revuo, kiu transiras al reta aperigo praktike malaperas, ĉar la diverslingva reta oferto estas tiom inunda. Se vi kredas, ke nia presata revuo ludos indan rolon en la estonteco de nia lingvo, nun estas la tempo agi!

smg

Kiaj estas bestoj? Nu, granda elefanto, alta ĝirafo, longa serpento, obstina azeno, bela papilio, danĝera ŝarko... kaj tiel plu. Skribu vi tiom da bestoj kiom vi povas, kaj donu al ĉiu besto unu adjektivon. Vidu, ĉu vi kapablas pensi pri la besto kaj eco, kiu estas la solvo de nia enigmo!

# SEP Bildoj ... por kia besto!?

Jen sep bildoj: A ĝis F kaj sep frazoj 1-7. Parigu ilin kaj notu la komenc-literon de la ĉefa verbo en ĉiu frazo.




**❶ La futbalisto ĵetos la pilkon; li elmetas sian manon por haltigi atakantan ludanton.**

**❷ Strang-aspekta viro kun longa nazo kaj maldikaj kruroj levas pezon.**




**❸ Abelo laŭte zumas dum ĝi vizitas floron por preni nektaron.**

**❺ Kontenta knabino naĝas malrapide helpe de du floso-helpiloj; ŝi eble ne eniris la akvon plene, ĉar ŝia hararo restas en bona ordo.**




**❹ La preskaŭ kalva komercisto kuras kun teko; li portas okul-vitrojn, do eble li ne vidas tro klare.**










**❻ Tri viroj grimpas rokan monton, helpante unu la alian; ili aspektas kiel komer-cistoj kaj ne mont-grimpistoj.**

**❼ Viro kaj virino renkontiĝas kaj manpremas.**



Metu tiujn komenc-literojn de la ĉefaj verboj laŭ la bild-literoj en la sekretan vorto-paron:

**□A□U□A □A□ □U□UO**

E C F Ĉ A D B

Rigardu paĝon 47 por kontroli vian solvon kaj legi rakonton pri tiu sekreta besto.

## Enigmo

Estis patro kiu havis tri filojn.
Unu filo estis profesoro.
Li estis alta kaj granda.
Pli juna filo estis doktoro.
Li estis simpatia kaj bela.
La plej juna filo estis inĝeniero.
Li estis malalta kaj rapida.



Nun la demando:

Kiu filo estis la plej maljuna???

Respondo revufine.

## Enketo

Enketisto enketas sinjoron pri ĝentileco en trafikiloj:
"Kaj vi, sinjoro, ĉu vi vojaĝadas per buso?"
"Jes, preskaŭ ĉiutage."
"Do, se enbusiĝas maljunulino, ĉu vi proponas al ŝi sidi?"



"Ne."

"Ne? Kial ne?"

"Ĉar mi estas ŝoforo."

Ambaŭ sendis Jindřiška Drahotová el Ĉeĥio: „La anekdoton rakontis al mi miaj dekdujaraj knaboj kaj ni kune tradukis ĝin."



# Nia revuo utilas en Kubo

Jen fragmento el fizika letero ricevita lastatempe el Kubo:

*Ni kore dankas vin pro subtenadaj sendoj de la gazeto 'Juna amiko' kiuj bone helpas nian agadon en la centra parto de Kubo. Mi kaj miaj gelernantoj legas ĝin, ni uzas ĝin dum la instruado kaj kiel materialo por niaj E-ekspozicioj, kiel nun okazas en nia vilaĝa muzeo.*

*José Luis Montes de Oca, Santa Domingo, Kubo.*

Ni ne kutimas aperigi en nia revuo korespondpetojn (ni kutime aperigas ilin pere de <edukado.net>), sed ĉi-foje ni faras escepton. Devos temi pri fizika korespondado, ĉar la grupo ne havas aliron al komputilo. El la 21 lernantoj, jen tri:

- Walter Cárdenaz, Crucero 'Las Casimbas', Santa Domingo, CU-53000 Villa Clara
- Raciel Garcia Pérez, Calle 1ra No. 56, Rpto. Santa Olaya, Santa Domingo, CU-53000 Villa Clara, Kubo (ambaŭ 18-jaraj junuloj)
- Doris J. Mederos Diaz, Calle Serafin Sánchez No 17-B, Santa Domingo, CU-53000 Villa Clara, Kubo (18-jara junulino)

La verkinto estis membro de LKK por la ILEI-konferenco en Matanzas en 2010. Ekde tiam ni sendadas nian revuon al preskaŭ dudek adresoj en Kubo, plejparte la LKK-anoj. Jen konkreta signo pri ties utilo. Tiu sendado eblas, pro kaso ĉe Interkulturo, por apogi la uzon de *Juna amiko* ĉe projektoj. Donacoj al nia revuo ĉe la konto de UEA (juna-l) helpos al ni ampleksigi la sendon de la revuo al landoj, kie ĝi vere povas utili – la ĵusa konferenco en Kunmingo portis al ni abundon da novaj aziaj adresoj, kie la movado ekkreskas kaj havas klaran potencialon.

---

LIBRO-RECENZO:

# Maltipa Infanlibro



*Kie ni povas trovi Dion? demandas eta porkido.*
Michael Schmidt-Salomon; Alibri, Aschaffenburg, 2011. 36p. 23cm. Koloraj ilustraĵoj: Helge Nyncka.
ISBN 978-3-86569-141-5

Jen diskuto- kaj disputo-veka libro por infanoj, tradukita al Esperanto el la germana originalo. Ĝi prezentas argumentojn por ateismo – tio estas la kredo, ke ni ne kredu je Dio. Klare, tia libro ne trovis favoron inter religiaj personoj, kiuj provis jure malhelpi la aperigon de la originala eldono. Dum la rakonto, la porketo kune kun sia amiko, erinaco, vizitas preĝ-lokojn de tri grandaj religioj: kristanan preĝejon (fakte katolikan), islaman moskeon kaj judan sinagogon, kun malagrablaj sekvoj. Interese, el la grandaj religioj, la verko ne aldonas budhismon, kiu ja en sia origina formo ne postulas la ekziston de Dio aŭ dioj.

La plenkolora libro estas teknike kaj traduke altnivela – la lingvaĵo ne strebas esti aparte simpla. Librofine aperas sur du paĝoj desegnaĵo kun multaj nudaj personoj – same maltipa kaj emocio-veka.

smg.

## Refoja alvoko –vere urĝas trovi helpantojn!

Por ke nia revuo pluvivu, ni urĝe bezonas pli da abonantoj kaj helpantoj. Jen vakaj oficoj; pri ĉiu ILEI pretigis priskribojn. Anoncu vin por ricevi tiujn!

### Redaktoro por duono de la revuo:

***Tasko:*** Rilati kun rubrikestroj kaj kontribuantoj, verki mem allogajn erojn, redakti kaj enpaĝigi ricevitan materialon, trovi ilustraĵojn, prizorgi la akademian lingvo-kontrolon, kaj mastrumi la kompensojn por viaj rubrikestroj. ***Lertoj:*** Bona lingvo-rego, teknika lerteco; respekto al limdatoj...

### Varba direktoro:

***Tasko:*** Rilati kun perantoj kaj la abon-administranto, por aktive varbi pliajn abonantojn, precipe por liveri la revuon kvante al E-kursoj, lernejaj grupoj kaj projektoj. ***Lertoj:*** Enmerkatigaj lertoj, kapablo uzi modernajn komunikilojn por atingi ĉiajn partojn de la E-komunumo kaj novajn esperantistojn...

### Reteja prizorganto:

***Tasko:*** Pretigi kaj vidigi informojn pri la revuo en konstruata multlingva retejo de ILEI. Tio inkluzivu peranto-listojn, la vortliston, specimenajn artikolojn, informojn pri la plej aktuala numero, arĥivo de materialoj, kontinua varbagado. Evoluigi la sekciojn pri *Juna amiko* ĉe <lernu.net> kaj <edukado.net>. ***Lertoj:*** Kapablo mastrumi retejojn kaj alloge afiŝigi materialojn, ene de komforte uzebla strukturo.

## I. La konsiloj

– Mi estas tre ekscitita! Morgaŭ mi parto-prenos en mia unua labor-intervjuo!
– Trankviliĝu Sonja! En tiu ĉi monato mi proponis min en tri labor-lokoj!
– Kaj ĉu vi estas jam dungita en iu?
– Mi ankoraŭ ne ricevis informon pri la rezulto, sed en ĉiuj tri firmaoj oni videble estis tre kontentaj pri mi.
– Pri kio oni demandis vin?
– Ilin interesis miaj lernejaj rezultoj, mia lingvo-kono. Mi diris, ke mi parolas angle, germane, ruse, france, kaj iom ankaŭ itale.
– Ĉu oni ankaŭ demandis vin en tiuj lingvoj?
– Nur en la angla. Kiujn mi vizitis, estas multnaciaj entreprenoj, kaj eble tie oni eĉ ne parolas alian lingvon. Sed ne zorgu, ankaŭ vi sufiĉe bone parolas la anglan, eĉ se ne tiel bone, kiel mi.



– Hm... vere. Ĉu mi havas ŝancon kapti bonan laborlokon?
– Jes, certe! Dum la interparolo vi substreku, kiel lerta kaj elturniĝema vi estas, vi ĉiam pretas labori por la entrepreno, vi neniam malfruas, vi eklaboras pli frue matene kaj vi hejmeniras laste.
– Dankon, amiko, por la konsiloj! Ĝis poste!
– Bon-ŝancon al vi, ĝis revido!

## II. La intervjuo

- Bonan tagon, mi alvenis laŭ la labor-anonco.
- Bonan tagon, fraŭlino, bonvolu sidiĝi. Ni bezonas multajn kunlaborantojn, ekzemple redaktoron por nia reklam-agentejo, librovendiston por nia librovendejo, merkat-esploriston kaj negociston, ĝardeniston, konstru-laboriston por daŭre zorgi pri la konstruaĵo kaj la ĝardeno, pordiston, oficiston pri ĝenerala administrado kaj libroteniston.



- En mia biografio mi indikis, ke min interesas la redaktorado.
- Ĉu vi havas spertojn en tiu tereno? Mi nun legas, ke vi ankoraŭ nenie laboris.
- Dum tri jaroj mi redaktis la lernejan ret-gazeton. Vi povas rigardi ĝin.
- Nia juna firmao celas vastan merkaton, ne nur enlande, sed ankaŭ eksterlande, en kvar kontinentoj. Tiel ni deziras, ke niaj kunlaborantoj senprobleme povu interparoli kun niaj eksterlandaj partneroj.
- Mi trapasis ekzamenon el la angla en la mezlernejo.
- Jes, fraŭlino Sonja, ĉiuj sinproponintoj parolas angle. Sed nia firmao volas ion pli... do, ni akceptas kunlaborantojn, kiuj parolas Esperanton.
- Ĉu Esperanton? Ja mi eklernis la Internacian lingvon en mia infanaĝo, mi partoprenis multajn internaciajn aranĝojn.
- Tre bone! Tiel, ni daŭrigu la interparolon esperantlingve.

## III. La rezulto



- Ni festu, ke ni ĉiuj sukcesis trovi laboron kaj neniu el ni estos senlaborulo!
- Kaj ni rakontu pri niaj spertoj!
- Mi trovis labor-ofertojn en la reto, kaj mi min proponis al tri lokoj. La konkursaj kondiĉoj ne estis facilaj, sed fine mi trovis bonan postenon. Mi estos teknika gvidanto en fabriko kaj post faka formado eksterlande, eble uzin-estro.
- Bela kariero, gratulojn! Mi trovis bonan oferton en merkato, tio ĉiam interesis min. Mi nun partoprenos en prifaka kurso, kaj mi fariĝos agento pri asekuro. Laŭ sukcesaj kontraktoj mi ricevos premion al mia baza salajro.
- Kaj kio pri vi, Sonja?
- Imagu, mia labor-lingvo estos Esperanto!
- Ho, ĉu vere? Nekredeble! Kia bonŝanco! Rakontu jam pri tio!
- Mi estas dungito de multnacia, sed malgranda entrepreno. Ĝi okupiĝas ĉefe pri merkato, sed ankaŭ pri diversaj servoj, ekzemple turismo kaj kulturaj programoj. Mi redaktos diversajn paperajn kaj retajn reklamilojn kaj anoncojn, raportojn. Mia labortempo ne estos fiksita, kaj mi povos labori ankaŭ hejme. Senpage mi partoprenos enlandajn kaj eksterlandajn aranĝojn. Tre kontentiga estas ankaŭ la salajro.

- Geknaboj, Sonja havas la plej sukcesan karieron! Ni trinku, je via sano, Sonja!

***TASKOJ:***

*Vicigu, kiuj profesioj interesas vin, viajn geamikojn (se vi nun estus komence de viaj labor-jaroj)!*

*Vicigu, kiuj profesioj estas bone pagataj aŭ/kaj laŭmodaj en via lando!*

*Rakontu, kiel vi trovis vian unuan laborlokon, postenon!*

*Preparu vian (profesian) biografion!*

*Priskribu vian laboron! Priskribu la laboron, kiu plej multe interesas vin!*

*Verku laboranoncon, kiu vekas interesiĝon!*

*Rakontu (aŭ skribu en letero) la historion de via (aŭ imagata) kariero!*

*Verku dialogon inter reprezentanto de firmao kaj kandidato(j)!*

**Vortklarigoj:**

*Laborposteno:* loko oficiale okupata per laboristo
*Intervjuo:* Interparolo kun persono por demandi lin pri lia vivo, agoj, opinioj
*Dungi:* Interkonsenti kun laboristo, servisto aŭ oficisto por havigi al si lian servadon laŭ difinita salajro
*Eksciti:* Igi tre intensa la funkcion de iu korpa organo aŭ ian korpan senton
*Entrepreno:* Institucio kun difinita komerca celo
*Firmao:* Entrepreno
*Ŝanco:* ebleco de sukceso
*Agento:* Persono, kiu estas daŭre komisiita de iu por fari ion
*Redaktoro:* Persono preparanta enhavon de gazeto, verko, elsendota programo
*Merkato:* Stato de aĉetpovo kaj aĉetemo pri iu komercaĵo
*Reklamo:* Alvoko al la publiko per ĉiuspecaj rimedoj por laŭdi kaj rekomendi komercaĵon, entreprenon aŭ aferon
*Negoco:* Profitcela komerca aŭ industria okupo
*Premio:* Rekompenco, donacata al la plej indaj
*Esplori:* Atente rigardi por ekkoni ion nekonatan aŭ kaŝitan
*Librotenisto:* Okupiĝas pri financaj aferoj de la entrepreno
*Administri:* Prizorgi la funkciadon de publika aŭ grava privata organizo
*Biografio:* Verko rakontanta pri la tuta vivo de iu persono
*Uzino:* Fabriko por metalproduktado kaj metalprilaborado, en kiu la plej grava laboro estas farata per maŝinoj
*Indiki:* Montri, doni bezonatan sciiĝon
*Kariero:* Profesio, okupo, al kiu oni sin dediĉas; ĉefa celo de la agoj
*Tereno:* Difinita terspaco /agokampo rigardata laŭ sia amplekso
*Anonci:* publike antaŭsciigi
*Oferto:* Skriba propono por aĉeti varon aŭ ricevi servon kontraŭ difinita prezo
*Asekuri:* Protekti per kontrakto kun kompanio, kiu en okazo de domaĝo aŭ perdo pagu kompensan monon
*Kontrakto:* Laŭleĝa skribita interŝanĝo de promeso, interpromeso, konvencio

# LUME

## LA UNUA MIRINDA ETAĜO



Rubrikestro: Karina MacGill
(vidu paĝon 26)

# Esplo&Rema





Plia pordo, kun du seruroj kaj abundaj ŝlosiloj. Ni devas elekti du ŝlosilojn supozeble, sed kiujn du?
Eble du identajn?
Povas esti! Ni serĉu!
^▶△⇔▶ ⇨ Ŝ↙↕▽↓↙↕⇔
▶⇔▶⇨ ⇨⇔ ↙⇨
▽⇨△▶△↕ ↗▶⇔ ↙⇨ ▲↙↓
→△⇨⇔⇦⇨ ⇔▶↘⇨△↕
▲↕▽◀⇨ ⇨⇔ ◀↓▶ ↗▶⇔
↙⇨ ▲↙↓ ⇨◀⇨
ALIE LA PORDO RESTOS FERMITA.
Laŭ mi ni antaŭe malkovru la sekreton de la skribaĵo!
▶u ↙l ▽s ↕o
↗k ⇨e ▲p


Jen, mi trovis la ĝustajn!
Laŭ la teksto ni devas malŝlosi la ............ seruron unue.
Do, provu!
Vi pravis! Nun kien ni pluiru? Tiom da eblecoj!


Eble
en ĉi tiu libro ni
trovos iuspecan
mapon.
Vidu...
... la samaj bestoj kiel
sur la pentraĵoj super
la enirejoj de la korido-
roj.


Besto
halo
testudo
Serĉu la beston al
kiu du apartaj, sen
finaj linioj apartenas.
unu linio du linioj
cigno
leporo
fiŝo
simio
kato
rano

# KANTU kun JUNA AMIKO



## LA SORĈA KANTO-MONDO

Preparas: Małgosia Komamicka
ul.Kilińskiego 14/3, PL-59-300 Lubin,
Pollando
malgosia.junaamiko@gmail.com



Kanto akompanas nin ĉie... Ni volonte aŭskultas ĝin, ĉar ĝi helpas vidi kaj krei alimaniere la mondon, permesas revi aŭ transdoni niajn sentojn. Ĝi ankaŭ helpas akiri pli bonajn rezultojn dum lernado, ĉar lernantoj ludante samtempe lernas, kreskigas sian emocian engaĝiĝon en la lerno-procezo. Sufiĉas nur ekkanti kaj ili tuj rememorigas kanto-vortojn. Tiumaniere la lernantoj plej bone kaj sugeste alpropigas al si la materialon de la leciono ofte ne konsciante, ke ili ekzercas fremdan lingvon. La laboro kun kanto havigas ĝojon kaj kontenton al la lernantoj, do ni ne malhelpu ĉi tiun agrablecon de kantado dum la Esperanto-lecionoj.

Mi prezentas la bulgaran kanton ***Freŝlegomojn se ne manĝus vi,*** kiun esperantigis kaj bele prilaboris (kun mia malgranda helpo ☺ ) elstara esperantisto **Nikola Uzunov** kun sia filino (denaskulino) **Marina Kumanova** el urbo Jambol en **Bulgario.** Mi ekkonis la familiojn de Uzunov kaj Kumanov estante ĉi-jare en Bulgario. Vespere post la komuna vespermanĝo la tuta familio: geavoj, gepatroj kaj infanoj ofte komune kantis kaj eĉ dancis. Ilia repertuaro estis diversspeca. Ili kantis kantojn el la tuta mondo. Tamen gravan parton de ilia repertuaro formis la esperantaj kantoj.
Mi pasigis belegajn kaj neforgeseblajn momentojn kun tiu *kantema familio.*
Kaj nun mi invitas vin al la sorĉa kanto-mondo.





# FREŜLEGOMOJN SE NE MANĜUS VI





Freŝlegomojn se ne manĝus vi,
granda, forta ne elkreskus vi!
Vangoj viaj estus sen kolor’,
Fortoj viaj estus for.



“Al mi venu!” vokas vin karot’,,
Piro, pruno, pom‘ kaj abrikot’.
En angulo ridas la brasik’,
Kaj tomato, kaj paprik’.



Fruktojn kaj legomojn manĝu vi,
Por elkreski ĉiam forta vi!
Vangoj viaj ruĝos en kolor’,
Estos forta vi en kor’!






Konstruu la krucenigmon uzante la vortojn de la kanto. Provu ankaŭ mem prepari krucenigmon por viaj geamikoj.

Kiuj fruktoj estas en la kanto kaj kiuj mankas inter la bildoj?
Kiom da fruktoj estas en realo verdaj kaj kiom da estas ruĝaj?
Kiom da legomoj estas flavaj?

## KANTU KOLORIGU kaj SOLVU

Bonvolu sendi al mi viajn proponojn, ke ni ekkonu belajn kantojn el la tuta mondo.

Desegnoj: brasiko: Bachmiński, ceteraj: Pypus.com

# LUDE

LA UNIKA DUA ETAĜO

La rubrikon prizorgas:
Mónika Molnár




Amikoj serĉataj - amikoj trovataj. La tempo forkuras vere rapide kaj jen, ni alvenis jam al la anonco de la konkurs-rezulto. Verkemulido kaj Desegnemulido, niaj du amiketoj ne havis facilan taskon, eĉ se kelkaj infanoj helpis ilin en la prijuĝado. Alvenis pli ol dudek verketoj, dankon al niaj agemaj svisaj junaj amikoj. Inter la ricevitaj historietoj foje estis tre malfacila la elekto. Post loooonga pripensado Verkemulido ĝoje anoncas al vi, ke ***la gajninto*** estas:





***Clémentine Buise*** el Svislando,
kies historion vi povas legi sur la sekvaj paĝoj.
Gratulojn Clémentine, vi ricevos donacon pro via bona laboro.

Krom la historio de Clémentine, kiun vi trovos sur la sekvaj paĝoj, ni aperigos post la bildstrio la originalan rakonton de Débora, kiun ŝi kreis kune kun la desegnaĵoj kaj 5 aliajn rakontetojn, kiuj same multe plaĉis al la ĵurio. Por pli facile elturniĝi inter la tekstoj kaj la desegnaĵoj, la numeroj montros al vi, kiun tekston kun kiu bildo vi devas legi.

***Bonan amuziĝon, bonan legadon!***



Korajn gratulojn al Clémentine, Débora, Paule,
Elena, Mattias, Louis kaj Lucas!
***Belan somerfinon al ĉiuj niaj legantoj!***



*Jen __alvoko__ al niaj karaj junaj amikoj! La rubriko "LUDE" de nia revuo volonte akceptas historietojn desegnitajn kaj verkitajn per infanoj, kiuj lernas Esperanton. La plej bonajn ni klopodos aperigi. La longeco estu laŭeble inter 4-8 paĝoj je grandeco A5. (Ideo: faldante meze du foliojn A4, vi tuj havas 8-paĝan libreton je grandeco A5.)*



Desegnis: Débora Danton
Verkis: Clémentine Buise
La strang-odora rano
①
- Saluton!
-Hm, hm, vi malbonodoras! Vi odoras la koton! Ha-ha-ha!
-Vi ne estas ĝentilaj! Mi foriras! ②
- Neniu amas min. Kial mi odoras la koton? Mi lavas min ĉiutage kaj mi ofte estas en la akvo. ③
- Do, mi iras marŝi.
- Kia odoro!!!
- Pardonu min, mi havas problemon pri la aliaj.
Mi ne havas amikojn, ĉar mi odoras malbone.
- Tio ne gravas, ankaŭ mi ne havas bonan odoron. ④


- Hm, ĉu vi volas vivi kun mi en mia lageto?
- Ne, sed vi, ĉu vi volas veni en mian formikejon?
- Ne, dankon.
5
- Ah! Unu serpento!
- Sssaluton! Hm, vi essstusss bongusssta, sssed...
... vi odorasss je koto! Tion mi ne ŝatasss!
- Ha-ha-ha, jes, mi scias!
6
- Hi-hi-hi, feliĉe!
- Sed nun mi saltos sur la ŝtonon.
- Jes, venu, venu!
- Deloku vin! Mi alvenas!
7
- Aj-aj-aj!
- Ho, pardonu min!
- Ne... g...gravas, mi...
- Neee!! Ne mortu! Kial??
- Ha-ha, mi ridasss!
8


- Ho, mi tristas. Venu kun mi, trituro!
- Ĉu vere? Ĉu mi povas?
-Jes, certe!
- Mi forirasss de ĉi tie, mi ne povasss manĝi!
9
- Ĉu vi volas veni kun mi en mian lageton?
- Jes, certe! Mi amas la lagetojn!
10
-La du amikoj ekde tiam vivas feliĉaj, la rano eĉ ne plu odoras je koto!
11
FIN
12

| | |
|---|---|
| Débora Danton | ***1-La rano ne trovas amikon*** /2-Estis foje rano, kiu ne havis amikojn. Ĝi estis tre malĝoja. /3-Unu tagon ĝi decidis serĉi unu amikon. /4-Ĝi foriris el sia lago kaj trovis formikon, kiu same serĉis amikon. /5-La rano proponis, ke ili fariĝu amikoj. La formiko diris: jes! La du amikoj pensis pri sia estonteco. /6-Sed la du amikoj ne konsentis. Kiam la rano diris "ne" por fariĝi amiko, serpento alvenis. /7-La rano saltis sur la ŝtonon, ĉar ĝi ektimis. /8-Saltante la rano mortigis la formikon, ĉar ĝi ne protektis sin. /9-Poste venis trituro kaj proponis fariĝi amiko. La rano diris: "jes". /10-La du amikoj parolis pri tio, kie ili loĝos. /11-La du amikoj konsentis kaj fariĝis tre bonaj amikoj. |
| Paule Cubeddu | ***1-La tute verda rano*** /2-La tute verda rano estas malkontenta, ĉar ankaŭ la aliaj ranoj estas verdaj. /3-Ĝi volas havi alian koloron. /4-Ĝi decidas foriri por trovi helpon. Ĝi vidas formikon kaj demandas ĝin: "Ĉu vi estas kontenta pri via koloro?" "Jes, ĉar mi pensas, ke per alia koloro oni ne povus vidi mian personecon." /5-"Al mia personeco apartenas ankaŭ mia voĉo, mi kantas bone"-diras la formiko. "Mi ne kantas bone"-diras la rano kaj daŭrigas sian vojon. /6-La rano renkontas serpenton. Ankaŭ ĝi estas verda. /7-La rano demandas la serpenton: "Ĉu vi estas kontenta pri via verda koloro?" La serpento respondas: "Jes, ĉar mi tamen diferencas de la aliaj serpentoj." /8-"Mi estas pli mallonga ol la aliaj." "Mi estas verda kaj alta, kiel la aliaj"-diras la rano. Ĝi pluiras kaj renkontas trituron, kiu jam komprenis la diskuton... /9-Ĝi diras al la rano: "Ankaŭ vi diferencas de la aliaj ranoj! Vi kapablas paroli kun ĉiuj bestoj!" "Ho, jes, ĝuste! Dankon trituro!" /10-La rano vidas, ke ne plu estas tempo por iri hejmen. La trituro proponas gastigi ĝin. /11-La rano finfine estas kontenta kaj ĝoja esti verda, tamen diferenca de la aliaj ranoj. |
| Elena Baehler | ***1-La rano malkovras la vivon*** /2-"Ĉu vi volas ludi kun mi?" "Ne!"-respondas la du ranoj. "Mi nomiĝas Raneto. Mi ne havas amikojn. Mi estas sola, tute sola... Mi estas malĝoja. /3-Mi estas malkontenta. Mi havas nur mian nufaron kaj ĝi estas granda por mi. Pluse, mi ne ŝatas la akvon. Mi ne ŝatas bani min. /4-Mi ne volas tuŝi la akvon. Tial mi saltas de nufaro al nufaro. Mi renkontas unu formikon. Ĝi estas tre malgranda. Tuj ĝi timas min. /5-Nun ĝi vidas, ke mi estas ĝentila, ni kantas kune. Ĝi kantas bone, sed mi kantas pli bone. /6-Subite mi vidas serpenton. Ĝi estas malĝentila. Ĝi estas tro saĝa. /7-Sed la formiko ridas kun la serpento. Do, ankaŭ mi. La serpento estas verda, kiel mi. /8-Ops! Mi ne vidis la formikon, ĝi estis sub mia piedo. Feliĉe, ĝi ne mortis. La serpento ridas. Mi ne. /9-La serpento estas mia amiko. Nun mi havas UNU amikon. Ankaŭ la formiko estas mia amiko, sed ĝi vundiĝis. La salamandro estas la amiko de la serpento. /10-Ĝi estas ĝentila. Kiel la serpento. Ĝi helpas min por iri en la akvon. Ĝi vivas sub la ŝtonetoj. /11-Nun mi havas multajn amikojn kaj mi ne plu timas la akvon. La salamandro povas veni kun mi. Mi estas feliĉa." |

**Juna amiko aperos en 2013 kun sama ofteco, (3-foje)...**

| | |
|---|---|
| Mattias Koskinen | ***1-La trista rano*** /2-Estis foje rano-familio. Unu rano en la familio estis tre trista. Li ne havis amikojn. /3-Foje lia frato mokis lin. Do, la rano foriris de la hejmo sur alian folion. /4-Li aŭdis bruon kaj foriris de la folio. Li vidis, ke estis formiko, kiu fajfis. /5-Kiam la rano aŭdis tion, ili plufajfis kune. /6-Subite la rano denove aŭdis bruon. Li rigardis kaj vidis serpenton. /7-Subite la rano komencis danci, la serpento tion ne komprenis kaj la formiko ridis. /8-La serpento diris: "Forpuŝu vin! Mi serĉas formikon. Ĉu vi vidis formikon?" "Ne."-diris la rano. /9-"Mi rigardos." Sed la rano bone kaŝis la formikon. La serpento diras: "Jes, ĝuste, vi ne havas ĝin." Tiam salamandro venis kaj diris, ke la rano mensogas, li ja havas la formikon. /10-"Kial vi diris, ke mi kaŝis la formikon? Ni ludis kaŝludon. Bone, ne gravas. Ĉu vi volas veni sur la grandan folion en la malgrandan lagon?" "Jes, mi volas." /11-"Dankon." "Nedankinde." "Estas bela loko, ĉu ne? Ĉu vi volos morgaŭ dormi ĉe mi?" "Jes, volonte." "Ĝis!" "Ĝis!" |
| Louis Tribut | ***1-La malfeliĉa rano*** /2-Estis foje rano, kiu ne havis rano-amikojn. /3-Ĝi estis trista kaj kolera. /4-Sur la strando estis formiko. La rano iris por manĝi ĝin. /5-La rano kantis por endormigi la formikon. /6-Sed serpento alvenis. "Aaah! La serpento manĝos min!"-kriis la rano. /7-La formiko ridis kaj diris: "Ĝi estas vegetarana!" /8-"Hu, mi ne estas morta kaj mi tamen povas manĝi la formikon." /9-"Oh! Salamandro! Kiu estas vi?" "Mi estas Aleks." "Ĉu vi volas esti mia amiko?" "Jes, volonte!" /10-"Ni bone amuziĝos kune!" /11-Kaj ili fariĝis bonegaj amikoj por la tuta vivo. |
| Lucas Dalla Piazza | ***1-La sola rano*** /2-"Saluton! Mi estas malgranda kaj verda rano. /3-Mi estas sola, ĉar la aliaj ne volas esti kun mi. /4-Do, mi foriras por amikiĝi sur la alia flanko de la lago. /5-Por amikiĝi, mi kantas. Mi kantas bone. Unu formiko venis apud min kaj kantis kun mi. /6-La formiko kaŝis sin, ĉar ĝi timas la serpenton. Mi demandis la serpenton, ĉu ĝi estas ĝentila. /7-Jes, ĝi estis ĝentila, do la formiko povis malkaŝi sin. /8-Akcidente mi marŝis sur la formiko, ĉar mi ne vidis ĝin. /9-La formiko mortis. Salamandro venis kaj demandis min, kiun koloron volis la formiko por la ĉerko. /10-Mi respondis, ke ĝi certe volis ruĝan. Poste ni diskutis, kie ni povus enterigi la formikon. /11-Post la enterigo de la formiko, mi ludis kun la salamandro. Estis triste, ke la formiko ne plu povis ludi kun ni." |

Por memorigi vin, la rubriko LUDE anoncis konkurson en la antaŭa numero. Ĝi prezentis sentekstan bildstrion, kaj petis al vi mem verki tekstojn kaj parolojn. Sur la antaŭaj paĝoj ni prezentis la verkon de la gajninto. En la tabeloj ĉi tie vi povas legi la tekstojn de dek unu pliaj konkursintoj. La partoprenintaj infanoj aĝas inter 10-15 jaroj kaj lernis Esperanton dum dek monatoj, unu, du aŭ tri jaroj. Gratulon al ĉiu!

**...paĝ-nombro (52p) kaj sampreze (vidu paĝon 50)**

NOVA RUBRIKO!

# INTERVJUO DE L'REVUO

## Mi neniam volîs fari ion alian

Karina MacGill transprenis la rubrikon LUME komence de la jaro, kaj forte transformis ĝin. Legantoj delonge konas ŝiajn desegnaĵojn, kiuj aperis regule sur la dua kovrilpaĝo de *Juna Amiko* depost aprilo 2009.

**JA:** *Kiam naskiĝis ĉe vi la emo desegni, kiam kaj kiel vi venis al la konkludo, ke tio iĝos via vivo-vojo?*

Oni ĉiam lasis plumojn kaj skribilojn apud mia tablo. Mia panjo rakontis al mi, ke ekde mia unujara aĝo, mi prenis ilin kaj desegnis. Mi neniam volis fari ion alian. Last-jare mi sekvis kurson pri instruista trejnado, sed dum tiu tempo ne restis sufiĉa tempo por desegni. Do, mi transiris al alia studvojo pri kreado de desegno-filmoj kaj bildstrioj, kie mi povas desegni dum mi laboras.

**JA:** *Kiujn aliajn artformojn vi ŝatas kaj praktikas?*

Mi ŝatas pentri, skulpti; mi konstruas pupojn kaj figuretojn. Mi kudras vestaĵojn por tiuj pupoj. Tio estas perfekta eskapo de la ĉiutaga nervoziĝo. Mia celo estas starigi retan vendejon por tiuj pupoj kaj plenumi mendojn el la tuta mondo.



**JA:** *Intertempe, kie eblas vidi viajn laborojn kaj diskutojn pri ili?*

Pri miaj desegnaĵoj kaj pentraĵoj, iru al:
http://rowena-lovegood.deviantart.com/
Pri la figuretoj vidu la dorsan kovrilon kaj:
http://adoredoll.deviantart.com/
Jen reta ligo al esperantista grupo, kun esperantaj eroj kaj priskriboj, inkluzive mia bildstrio kiu aperis en JA:
http://esperantistoj-de-da.deviantart.com/.
Iru al tiu paĝo kaj lasu komenton aŭ diskutu pri arto kun aliaj vizitantoj!

*Kiujn lernejojn vi ĉeestis depost la fino de la altlernejo?*

Mi studis du jarojn en grafika metilernejo kaj finis tiun kurson. Poste mi pluiris al la instruista trejnkurso ĉe la Universitato ELTE por havi rajton instrui en elementaj lernejoj. Kiel mi diris, mi decidis ne fini tion, kaj mia nuna kursaro temas pri filma desegnado. Mi fidas, ke tio donos al mi sufiĉan bazon por vivteni min.

*Kiel vi partoprenis la esperantan vivon ekde la infaneco ĝis la nuna tempo? Kiujn renkontiĝojn vi memoras?*

Mia unua renkontiĝo estis supozeble la Universala Kongreso (UK) en Bergen kaj la ILEI-konferenco en Voss, ambaŭ en Norvegio, en 1991. Sekvis en 1993 vizito al La Chaux-de-Fonds en Svislando, survoje al la UK en Valencio. Kelfoje ni vizitis la apudmaran Sete, en suda Francio. Ni partoprenis renkontiĝojn for E-familioj (REF), ekzemple en Sikonda kaj Moson-magyaróvár en Hungario, Savudrija en Kroatio kaj Mali Idos en la nuna Serbio. Mi vizitis kelkajn infanajn kongresetojn (IIK), ekzemple en Hadassim (Israelo) en 2000, apud Zagreb [Kroatio] en 2001, apud Gotenburgo [Svedio] en 2003 kaj apud Vilno [Litovio] en 2005 (vidu nian trian kovrilpaĝon) kune kun la posta ILEI-konferenco en Kaunas.



*Kiajn imagojn aŭ planojn vi havas por la estonto?*

Mi revas daŭrigi miajn studojn pri desegno-filma arto en Francio, ĉar tie ili praktikas belan, delikatan kaj naturan desegno-stilon. Sed tian kurson oni eniras nur per universitataj diplomoj aŭ signifaj laborspertoj. Mi ŝatus aperigi bildstriajn librojn aŭ romanojn, mem verkitajn kaj desegnitajn.

Se vi havas repaĝon pri iu via ŝatokupo, sekvu la ekzemplon kaj starigu sekcion en Esperanto, por ke vi konigu vian ŝatokupon inter esperantistoj kaj ricevi de ili komentojn kaj kuraĝigon. Tio plie fortigas al aliaj vizitantoj al via paĝaro, ke Esperanto estas vivanta, uzata kaj utila lingvo!



# LEGU kaj ĜUU

LEGU LIBROJN – PREMIOJ – KONKURSOJ

Rubrikestro: Małgosia Komarnicka
ul.Kilińskiego 14/3, PL-59-300 Lubin,
Pollando
malgosia.junaamiko@gmail.com



Vortklarigoj sur paĝo 37

## Kiel ekestas libro...

Tenante libron enmane, ĉu vi pripensadis kiel ĝi ekestis? **Ekesto de libro** ne estas facila procezo. Mi prezentos al vi kelkajn ĝiajn etapojn.

Dum la unua etapo en la kapo de **verkisto** aperas interesa ideo, kiun li intencas priskribi. Kiam la ideo jam estas priskribita oni serĉas eldonejon. En la **eldonejo** oni preparos la libron por presado. Tiu procezo estas longa kaj peniga. Se la libro enhavos ankaŭ ilustraĵojn, oni devas ilin mendi de **ilustristo**, kiu unue tralegos la manuskripton, ekhavos imagon kaj pentros ilustraĵojn kongruajn kun la teksto. Liajn ilustraĵojn oni enkomputiligos kaj preparos projekton de la libro. **Projektado de libro** konsistas el redaktado de teksto, elektado de formato, grandeco kaj formo de litertipo uzota en la libro, kaj kunligado de la teksto kun la faritaj ilustraĵoj en unu tuton. Tiun fazon sekvas la **provlegado** kaj **korektado de la teksto**. En tiu fazo oni devas kontroli ĉu ĉiuj literoj, vortoj kaj frazoj estas senerare skribitaj. Samtempe oni preparas projekton de librokovrilo. Kiam la projekto de la libro estas finpretigita, oni sendas ĝin al la aŭtoro por aprobo. Se la aŭtoro aprobis la projekton de sia libro, tiam la libro el la eldonejo estas sendata al **presejo**. En la presejo el la projekto oni produktas veran libron. Per speciala procezo oni produktas presplatojn, metas ilin en presilon, aldonas farbo(j)n, tranĉas la necesan formaton de papero, kaj komencas la procezon de presado. Sur ĉiu presfolio troviĝas pluraj paĝoj de estonta libro. La finpresitajn presfoliojn oni faldas, post kio sekvas kudrado aŭ gluado de kunmetitaj presfolioj. Kiam la 'korpo' de la libro estas preta, oni engluas ĝin en la antaŭe preparitajn kovrilojn.

Kompreneble la folioj en la libro povas havi malsaman dikecon, ili povas esti glataj aŭ malglataj, presitaj nigrablanke aŭ plenkolore. La libro povas havi malmolajn aŭ flekseblajn kovrilojn. Ekzistas ankaŭ akvorezistaj libroj por malgrandaj infanoj. La finpresitan libron oni transportas al librovendejoj aŭ al bibliotekoj. Libro, kiun oni devas traduki, trapasas ankoraŭ pli longan vojon.

Unue oni devas akiri aŭtorajn rajtojn, post kio sian laboron faras tradukisto. Poste sekvas redaktado kaj korektado. Ĉe tradukitaj libroj tre gravas kvalito de traduko. Bedaŭrinde, inter valoraj tradukoj, ofte ni trovas ankaŭ fuŝajn.

Nuntempe ni povas aĉeti libron pere de interreto, ne forlasante nian hejmon. Ni povas aĉeti ankaŭ e-libron, t.e. la libron en elektronika formo, sed pri tio mi skribos sekvontan fojon.

Ĉu vi dezirus senti vin kunkreinto de nia revuo? Se jes, **preparu projekton de kovrilpaĝo** por la sekva numero de *Juna Amiko*. Do, vi do projektu *festan vestaĵon* por nia revuo. Viajn proponojn mi atendas ĝis la fino de la jaro.

## KLUBO de BONA LIBRO

La Biblioteko de *Juna Amiko* por junuloj kaj infanoj kreskas dank' al viaj proponoj. Bonvolu sendi viajn proponojn de libroj, kiuj montras pozitivajn valorojn (ekz. toleremon, amikecon, apogon al malpli fortaj homoj), helpas kompreni vin mem kaj aliajn kaj ebligas adaptiĝi al nia iom malgaja realeco. La proponojn kun titolo, aŭtoro kaj mallonga rekomendo, sendu al la supra adreso aldonante la noton: Biblioteko de Juna Amiko.

**Rekomendo:** Por la *Biblioteko de Juna Amiko* **Anna Laskowska** (pola Esperanto-aktivulino) rekomendas la libron *Tra dezerto kaj praarbaro* de la pola Nobel-premito Henryk Sienkiewicz.

La libro ***Tra dezerto kaj arbaro*** **de Henryk Sienkiewicz** (legu: Henrik Sienkieviĉ) atingis grandan popularecon kaj ĝi estas klasikaĵo de pola romano por infanoj kaj junularo. Ĝi rakontas historion de du blankaj infanoj, la 14-jara Staś kaj la 8-jara Nel, kiuj estas forkaptitaj en Afriko, dum la ribelo de Mahdi (Muhammad Ahmed).




La infanoj, vagadante tra nekonataj anguletoj de la afrika kontinento, travivas multajn danĝerajn aventurojn. Solaj en fremda mondo devas zorgi pri si mem. Ili lernas inĝeniecon, respondecon kaj decidemon. Interesa enhavo kun kidnapoj, post-kuroj, neatendintaj ŝanĝoj de situacioj, altiras la atenton de legantoj. La libro estas adresita al junaj legantoj sed mi povas rekomendi ĝin kiel interesan legaĵon ankaŭ por adoltoj.

La libro estis eldonita en 1911 en Varsovio. Komence ĝi aperis serie en la revuo *Kurier Warszawski*. El la pola originalo en 1978 esperante tradukis ĝin Mieczysław Sygnarski. La verko estis dufoje filmita, en 1973 kaj en 2001.

# EKKONU MIAN LANDON PERE DE ĜIA LEGENDO

## – KONKURSO ne nur por junaj legantoj

Ĉi-numere ni ankaŭ vizitos eŭropan landon, Ĉeĥion. Ĝi estas la patrujo de nia konkursa gajnintino, Esperanto-aktivulino, honora membrino de Ĉeĥa Esperanto Asocio (ĈEA), **Jindřiška Drahotová**, kiu helpis al mi prepari la legendojn kaj informojn pri sia lando. Unue konatiĝu kun kelkaj informoj pri la lando de Jindřiška. Klopodu trovi la menciitajn lokojn sur la mapo, kaj poste tralegu la legendojn kaj faru konkursajn taskojn.

**Ĉeĥio,** oficiale la **Ĉeĥa Respubliko** (ĉeĥe *Česká republika, Česko*) estas lando situanta en la centro de Eŭropo. Ĝi najbaras norde kun Pollando, oriente kun Slovakio, okcidente kun Germanio kaj sude kun Aŭstrio. Ĝiajn limojn plejparte markas kaj gardas montaroj. La plej alta montaro estas Karkonoŝe (aŭ Gigantmontaro) en la ĉeno de la Sudetaj montaroj. La plej alta pinto en Ĉeĥio estas Sněžka (1.602 m). Karkonoŝe troviĝas en la limregiono inter Ĉeĥio kaj Pollando.




La klimaton de Ĉeĥio karakterizas reciprokaj miksiĝoj de kontinenta kaj oceana influoj. La oficiala valuto de Ĉeĥio estas la ĉeĥa krono (ĉeĥe *koruna česká*). Unu ĉeĥa krono egalas al 100 heleroj (ĉeĥe unu *haléř*, pluraj *haléřů*). La teritorio de Ĉeĥio konsistas el tri historiaj teritorioj: Bohemio, Moravio kaj Ĉeĥa Silezio kaj administre la hodiaŭa lando dividiĝis en 14 novajn memstarajn regionojn. La ĉefurbo kaj samtempe la plej granda urbo de Ĉeĥio estas **Prago**. Ĝi situas sur ambaŭ bordoj de la rivero Vultavo.

La Ĉeĥa Respubliko estas parlamenta demokratio kaj ĝia kapo estas prezidento, balotata ĉiun kvinan jaron pere de la Parlamento. La plimulton de la loĝantaro de Ĉeĥio konsistigas ĉeĥoj, sed estas ankaŭ aliaj etnaj grupoj: poloj, germanoj, ciganoj, hungaroj, ukrainoj kaj slovakoj. La nacia lingvo estas la ĉeĥa, kiu apartenas al la okcidentslava branĉo de la hindeŭropa lingva grupo.

La historio de la lando estas interesa. La arkeologiaj trovaĵoj atestas pri loĝigo de la teritorio de Ĉeĥio jam ekde 28000 jaroj a.K. Slavoj aperis en la teritorio de la hodiaŭa Ĉeĥio ekde la 5-a jarcento. La komencoj de la ĉeĥa ŝtato etendiĝas

ĝis la dua duono de la 9-a jarcento, en kiu estas reganta dinastio de Přemyslidoj. La dinastio kreis grandan imperion, kiu depost religiaj militoj dum 300 jaroj estis subigita al la aŭstria imperio. Nur post la Unua Mondmilito estis kreita 'Unua Respubliko' – Ĉeĥoslovakio, sed jam antaŭ la Dua Mondmilito la lando estis la unua viktimo de nazia Germanio. Post la Dua Mondmilito la 'Dua Respubliko' trapasis komplikan historion kaj en la jaro 1993 Ĉeĥoslovakio per paca maniero disipartiĝis je du memstaraj ŝtatoj, Ĉeĥio kaj Slovakio.



La nacia flago de Ĉeĥio estas la sama flago de la antaŭa Ĉeĥoslovakio. Ĝi estis restarigita en 1945 kaj konsistas el blua dekstren-rigarda triangulo, kun la cetera spaco dividita horizontale – blanko supre kaj ruĝo sube. La blazono de Ĉeĥio akceptiĝis en 1993, kiam la Ĉeĥa Respubliko fondiĝis post la malfondo de Ĉeĥoslovakio.

La ĉeĥa himno devenas el malnova kanto el la teatraĵo 'Fidlovačka' (printempa festo de pragaj ŝuistoj). Origine ĝi estas kanto de blinda almozulo, ekestinta en la tempo de revivigo de la nacio: "Kie hejmo, mia hejmo? Akvo sonas tra herbejo, arbaretoj sur roketoj, en ĝardeno floras flor', paradiz' por okuloj."

Tial vizitu Ĉeĥion por konvinkiĝi, ke la vortoj de ĝia himno reale priskribas la belecon de la lando. Nepre vizitu **Český Krumlov**, unu el la ĉefaj turismaj allogaĵoj de la lando, por admiri unike konservitan renesancan urbocentron kun ampleksa kastelo, proklamitaj monda kultur-heredaĵo de UNESKO. **Karlovy Vary** (Esperante Karlovaro) vizitindas kiel la plej konata kaj plej mondfama banloka urbo en Ĉeĥio. **Olomouc** (prononcu Olomoŭc) estas konata pro tutlandaj flor-ekspozicioj Flora Olomouc, karakterizaj fromaĝetoj el Olomouc (forte aromaj) kaj pro la ĉefepiskopejo. Unike konservita estas la historia urbocentro en **Kutná Hora**. Ĝi estis en 1995 enskribita en la liston de mondaj kultur-heredaĵoj de UNESKO kiel arkitektura juvelo havanta tuteŭropan signifon. La urbo **Telč** (prononcu: Telĉ) posedas bele konservitajn renesancajn domojn, longan urban placon kaj kastelon kaj la romantikan turon de Sankta Spirito. Ekde la jaro 1992 la historiaj restaĵoj de la urbocento estas parto de la monda kultur-heredaĵo de UNESKO.

Ne forgesu viziti ankaŭ la ĉefurbon, Pragon. Ĝia historia centro en 1992 estis same enskribita ĉe UNESKO. Admiru ĝiajn kastelojn, palacojn kaj pontojn.

En Brno jam en 1901 fondiĝis kiel la unua en Ĉeĥio (kaj eĉ en la iama Aŭstri-Hungario) esperantista grupo sub la nomo *Unua Societo de Aŭstriaj Esperantistoj.* En 2000 estis renovigita la tradicio de juniaj esperanto-renkontiĝoj en **Ĉantorio**, la plej alta monto de la montaro Slezské Beskydy. Ĉantorio en la pasinteco estis la loko de regulaj renkontiĝoj de esperantistoj. La monto estas konata pro legendoj, interalie pri sankta Vaclavo kaj liaj 'dormantaj kavaliroj', kiun vi povas tralegi ĉi-sube.

[La blazono estis prenita el Vikipedio; ankaŭ la bazo por la esperantigita mapo.]

# LEGENDOJ

Ĉu vi konas la devenon de la nomo Ĉeĥio, la lando de Jindřiška? Tralegu la legendon Pri Ĉeĥ! Legante la legendon pri Kavaliroj el Blaník vi ekscios kial ĉeĥoj kredas je helpo de kavaliroj dum danĝeraj tempoj. Pliajn legendojn vi povas tralegi en la libro *Malnovaj mitoj ĉeĥaj* de Alois Jirásek, kiun el la ĉeĥa esperante tradukis Josef Vondroušek.

## Pri Ĉeĥ

En la kroata lando, kiu etentiĝis post la montaroj Tatroj en la ebenaĵoj apud la rivero Vistulo, loĝis multaj gentoj parencaj lingve kaj vivmaniere. Ĝi estis parto de la origina granda slava prapatrujo. De tempo al tempo inter la gentoj estiĝis kvereloj kaj eĉ sangaj bataloj. Du fratoj el la potenca gento Ĉeĥ kaj Leĥ decidiĝis forlasi la naskiĝlandon. Ili deziris trovi novan restadejon kaj trankvile vivi okupiĝante pri laboro. Ili jam scipovis kulturi la teron, kultivi ĉiajn specojn da greno kaj bredi ĉevalojn kaj bovojn. Kiel ili decidis, tiel ili faris. Ili ekiris en la direkto de la sunsubiro al nekonata regiono.

Malfacila estis ilia vojo, tra profundaj arbaregoj, herbo-ebenaĵoj kaj marĉejoj. Tiel ili venis ĝis la granda rivero Vultavo. Tiam Ĉeĥ montrante altan apudan monton proponis ripozi sub ĝia piedo. Estis la monto Říp, kiu forme similis pan-bulon. Ĉeĥ esploris la ĉirkaŭan teron kaj ekĝojis pro la akvoj fiŝplenaj, la arbaroj plenaj de bestoj kaj birdoj, la fekunda tero, la bela aspekto de la regiono kaj ankaŭ la bona defendebleco kontraŭ malamikoj. Tiam Ĉeĥ venigis la fraton Leĥ kaj ĉiujn gentanojn kaj informis, ke ĉi tiu regiono estos ilia nova lando kaj ke ili devas nur doni nomon al ĝi. Ĉiuj unusone kriis, ke ilia nova lando nomiĝu laŭ la nomo Ĉeĥ kaj tiel estis. Ĉeĥ ekgenuis kaj kisis la teron, kiu ekde tiu tempo fariĝis Ĉeĥio. Leĥ, la pli juna frato de Ĉeĥ, decidiĝis marŝi pluen al la sunleviĝo. Ĉeĥ ne volonte adiaŭis la fraton petante lin, ke li ne foriru tro malproksimen kaj signalu en kiu landparto li ekloĝos. Se iu danĝero trafus ilin tiam unu al la alia povos rapide helpi. Post tri tagoj Leĥ ekbruligis grandan fajron kaj tiel signalis al sia frato, ke li ankaŭ fondis novan landon kaj tiel ekestis Pollandon, najbaran landon de Ĉeĥio.

## Kavaliroj el Blaník

En la suda parto de Ĉeĥio troviĝas du rokaj pintoj: Velký Blaník kaj Malý Blaník. Ene de tiu montaro dormas grandega armeo de kavaliroj, atendante la tagon kiam estos bezonata ilia helpo. La kavaliroj estas pretaj savi Ĉeĥion en la tempo, kiam la lando plej forte suferos, sed tiuj malbonaj tempoj ankoraŭ ne venis. En la decida momento el la monto Blanik elrajdos sankta Václav (patrono de la lando) sur blanka ĉevalo gvidante la kavalirojn por helpi al ĉeĥoj. Unue tamen la arboj en Blanik-arbaro sekiĝos kaj poste maljuna sekiĝinta kverko denove verdiĝos kaj malgranda fonto proksime de la monto fariĝos rivero.

Post granda kaj sanga batalo ĉeĥoj heroe defendos sin kontraŭ la pli forta malamiko kaj de tiu momento en ilia lando superos kvieto kaj ripozo.

*La konkursa tasko estas la jena: Priskribu per bildoj lą legendojn pri Ĉeĥio. La konkursan taskon bonvolu sendi kun viaj nomo, adreso kaj indiko 'Konkurso – legendo' ĝis la jarfino al la adreso, kiun vi vidis komence de la rubriko.*

# PROVERBOJ



Finante la rubrikon mi enmetas kelkajn proverbojn **pri laboro** el la *Esperanta proverbaro* de L. L. Zamenhof. La proverboj estas mallongaj kaj facilaj frazoj dank' al kiuj oni pli bone esprimas iajn ideojn, avertojn, admonojn aŭ instrukciojn. Ili estas gravaj en ĉiu lingvo kaj tial por perfektigi konon de Esperanto necesa estas ankaŭ lerni proverbojn.

**Kia estas via laboro, tia estas via valoro.**

**Ju laboro pli publika, des pli granda la kritiko.**

**Laboro donas bonstaton, mallaboro malsaton.**

**Laboro kaj pacienco kondukas al potenco.**

**Memori pri mezuro en laboro kaj plezuro.**

**Per pacienco kaj fervoro sukcesas ĉiu laboro.**

**Tro rapida laboro, tro malgranda valoro.**

**Ne venas honoro sen laboro.**

**Antaŭ la lango laboru la cerbo.**

**Preĝu kore kaj laboru fervore.**



# Interkultura

# mnd

**Rubrikestro:** Elena Nadikova,
E-klubo „Betuleto",
Lernejo/Ŝkola 56,
pr. Traktorostroitelej, 38
RU-428028 Ĉeboksari, Rusio.

## VARMEGA, SED MIRINDA KONTINENTO – AFRIKO

Saluton, karaj legantoj! Rakontante pri diversaj interkulturaj kontaktoj, nia rubriko vojaĝas tra la tuta mondo. Hodiaŭ ni invitas vin al varmega, sed mirinda kontinento – Afriko. Esperanto havas tie bonajn sukcesojn kaj tradiciojn. Estas multe da lernantoj, kiuj volas praktiki kaj uzi la Internacian lingvon. Ĉu ni helpu ilin en tiu nobla deziro? *Ekzistas du lernejoj, kies lernantoj bone studas la lingvojn,* partoprenas en diversaj projektoj, ŝatas perfektigi sian lingvokonon.

Do, konatiĝu kun: **MEZGRADA LERNEJO AYAHOHOUE.** La studentoj prezentas sin.

Mia antaŭnomo estas **Gisèle** kaj mia familia nomo estas **SOGBEDJI**. Mi estas 18-jara lernantino en la ŝtata mezgrada lernejo en Ayahohoué en la sepa klaso. Dum esperanto-kursoj, ni studis libretojn kiel ***Flugu kun Petro***, ***Ni esploru la Mondon***, ***La Bela planedo***. En decembro 2009, nia instruisto organizis konkurson pri diktaĵo kaj legado por lernejaj knabinoj. Mi partoprenis kaj gajnis la ĉefan premion. En Aŭgusto 2008, vizitis nian klubon Vladka CHVATALOVA, Ĉeha esperantistino. Ŝi instruis al ni pri dolĉaĵoj kaj maldolĉaĵoj. Mi ŝatas piedpilkon, vojaĝon, muzikon, legado de libroj.

Mi estas **KOUDEGNAN Touri**, naskiĝis la 22-an de oktobro 1992. Ĉi-jare mi sidas en la sepa (lasta) klaso kaj ŝatas muzikon kaj futbalon. Mi havas unu korespondantinon, Elena. Ŝia lernejo estas 'Ecole de la Grande Ourse' en La Chaux-de-Fonds (Svisio). Mi parolis al ŝi pri la ekonomio de Benino kiu baziĝas sur agrikulturo : maizo, banano, palmarboj, kotono, ignamo, k.t.p. Ankaŭ mi sendis al ŝi moneron (F cfa) uzatan en mia lando. Elena informis min pri 'Le Gruyère'- tre konata fromaĝo en Svisio.

Mi nomiĝas **Isidore DJIHOUNDE**, naskiĝis la 24-an de julio 1992. La nomo de nia grupo estas Sankta Harmonio. Mi estas la Ĝenerala Sekretario de nia klubo. Pro tio, nia instruisto instruis al ni kiel verki raportojn. Mia korespondamikino estas Paule el "Ecole de la Grande Ourse" en La Chaux-de-Fonds (Svislando). Ni diskutis pri geografio de niaj landoj : limoj, arbaroj kaj sovaĝaj bestoj. En Septembro 2012, mi ĉeestos ILEI-seminarion en Lokossa.

Mi estas **AMOUZOUN Seïdou**, 19-jara lernanto. Miaj hobioj estas: vojaĝado, legado de libroj kaj revuoj esperantaj, futbalo kaj mi interesiĝas pri lingvoj. Mi havas amikon – Benjamin - kiu sendis al mi belan mapon pri Svislando. Mi ankaŭ mankrajone

desegnis kaj donacis al li mapojn de Benino kaj Afriko. Ĉiujare nia instruisto ekzamenigas nin kaj disdonas premiaĵojn.

Mia antaŭnomo estas **Bella** kaj mia familia nomo estas **GATO**. Mi estas lernantino en la dua klaso en mezgrada lernejo Ayahohoué kaj havas 13 jarojn. Mi komencis Esperanton en la lernojaro 2010-2011. En la klubo mi lernas kaj kantas parkere la himnon de Esperanto "La Espero" kaj ricevis ateston de S-ro Hori Yasuo. En miaj liberaj tempoj, mi ŝatas legi librojn, ludi manbalon kaj rigardi televidilon. Mi havas unu leteramikinon. Ŝi estas Veronika Lelito el Pollando. JOLANTA Kieres estas ŝia instruistino.

Mi estas **TOSSOU Abdel Aziz**, lernanto en la 2-a klaso kaj havas dek du jarojn. En 2010, mi komencis lerni Esperanton. En nia grupo ni lernas kaj kantas diversajn Esperantajn kantojn. Nia instruisto studis kun ni la infanlibretojn : ' Flugu kun Petro' kaj 'Bonvenon, amiko' kaj mi ricevis atestilon kiel *Steleto* de S-ro Ronald GLOSSSOP. Mi havas unu korespondantinon. Ŝi estas Kasia el Pollando. Ni rakontis pri lern-objektoj kaj familio.

Mi nomiĝas **ĈIDI Karlo** kaj mi estas lernanto en la dua klaso. Mi havas 12 jarojn kaj lernas Esperanton antaŭ du jaroj. Nia instruisto instruis al ni la kanton de la koloroj : *Ruĝa pomo, Ruĝa pomo. Estas ĝi, Estas ĝi. Pomo estas, Pomo estas frukto. Frukto jes, Frukto jes.* Mia intereso estas korespondi tutmonde.

Mia familia nomo estas **SENOUMAGBE** kaj mia persona nomo estas **Yaovi.** Mi estas lernanto en la kvina klaso. Mi ŝatas legi, ludi balonon kaj bicikli. Mi ne havas leter-amikon; mi volas korespondi. Nia instruisto montris al ni sorobanon.

Mi nomiĝas **N'GBEGNON Viviane**, lernantino en la dua klaso. Mi havas dek du jarojn. Mi komencis Esperanton en 2010-2011 kaj lernas la infanan kanton : *Sur la tero, bela tero. Loĝas ni. Kantas ni. Kune sur la tero, Monda Familio. Famili, Famili'*. Mia deziro estas korespondado.

Mi estas **KLIKAN Oliviane**, lernantino en la dua klaso en mezgrada lernejo Ayahohoué. Mi havas dek tri jarojn kaj ŝatas rigardi televidilon kaj ludi manpilkon. Mi volas havi korespondamikinon.

Mi nomiĝas **SENOUMAGBE Simon**, lernanto en la tria klaso en mezlernejo Ayahohoué. Mi havas dek tri jarojn kaj volas korespondi.

Mi nomiĝas **NOUMONVI Joël**, 16-jara lernanto en la sesa klaso en duagrada lernejo Ayahohoué. Mi komencis lerni Esperanton ekde 2006 per kurso Ferez. Multaj libretoj - ***Flugu kun Petro, Ni esploru la Mondon, La Bela planedo, Bonvenon amiko*** - eldonitaj de la Internacia Organizo **"Infanoj Ĉirkaŭ la Mondo"** kies Direktoro estas Ronald

## VORTKLARIGOJ
**en aperordo**

*tradicio:* la sumo de pasintaj okazaĵoj kaj kutimoj
*nobla:* bon-intenca, servema
*diktaĵo:* lingvo-ekzerco en kiu oni laŭtlegas tekston kaj la lernantoj devas aŭskulti kaj korekte skribi tion, kion ili aŭdis. Ne tiom malfacila tasko en Esperanto, ĉar ĝi estas fonetika lingvo – ĉiu litero ĉiam havas la saman sonon kaj skribon
*ignamo:* speco de radika legomo
*parkere:* laŭ la memoro, sen bezono legi tekston
*ĵaro:* speco de argila vazo kutima en Afriko, uzata por konservi akvon.
*pitono:* speco de serpento
*frekventi lokon:* ĉeesti regule en tiu loko (tipe temas pri lernejo)

GLOSSOP el Usono helpis min lerni pri bazaj reguloj kaj monda geografio dank' al ludoj pri urboj, landoj, kontinentoj, riveroj, maroj ktp. per la uzado de mapoj dum kunvenoj. Mi ŝatas legi librojn, iri al kinejo kaj ludi futbalon (piedpilkon).

Mi estas **HOUENOU Blaise** 18- jara lernanto. Mi komencis Esperanton en 2009. En decembro 2011, mi partoprenis en konkurso pri diktaĵo kaj gajnis esperantajn poŝvortaron kaj lerno-librojn kaj libron pri biologio. Mi ŝatas muzikon, futbalon kaj rigardi televidilon. Al mia amiko – Quentin - mi parolis pri sezonoj en Benino. Mi sendis al li karton pri la historia urbo Ouidah. Ĝi montris turismajn lokojn: muzeon, ĵaron, simbolon de unueco kaj templon de pitono. Mi klarigis ke pitono estas diaĵo kaj oni manĝas ĝian viandon en Ouidah.



**Studentoj de la lernejo numero 1 en Azove. Vidu foton el la alia lernejo en Ayahohoué sur la antaŭa interna kovrilo de nia revuo.**

Mia familia nomo estas **GUIYA** kaj persona nomo **Cyprien**. Mi naskiĝis en Majo 1996 en Benino, studas en la kvina klaso. Nia instruisto S-ro Latifou disdonis al ni esperantajn gazetojn : *Monato, Esperanto, Juna Amiko* kaj *IPR* kaj ankaŭ instruas al ni kiel skribi leterojn. Kun mia amiko Felikso mi interŝanĝas informojn pri diversaj specoj de manĝaĵoj kaj trinkaĵoj (lakto de bovino, ovo, akvo...) pri niaj familianoj kaj ŝatokupoj. Felikso donacis al mi svisajn monerojn, farunon kaj fotojn pri Ĝenevo kaj neĝtabulado.

Mi estas **AKPONI Florian**. Mi naskiĝis en Julio 1995. Mi komencis la lernadon de Esperanto en 2008. Ni lernis instrukantojn; ekzemple la kanton de koloroj kiu donas al ni instruojn pri nomoj de bestoj, fruktoj, vestaĵoj, arboj, birdoj, mebloj k.t.p. Ni studis la libreton "Kantu Esperante kun Janico kaj Johano" kiu enhavas 12 konversaciajn kantojn por komencantoj. En ĝi ni lernis pri la finaĵoj de verboj, substantivo, adjektivo, pluralo, adverbo kaj ankaŭ pri pronomoj kaj numeroj. Ni finstudis la lernolibron *Rekta metodo de Stano Marĉek* kaj la libreton *Rakonto pri Tarofolioj el Afriko* verkitan dum ILEI- Konferenco (2008, Porto-Novo).

Mi nomiĝas **BELLO Halk,** 16-jara lernanto. Mi ŝatas legadon, futbalon, muzikon kaj televidrigardon. Mia korespondamiko Jérémy sendis al mi svisajn monerojn kaj flagbildon. Ni diskutis pri transportiloj en Svislanda kaj Benino kaj ankaŭ pri insektoj.

Mia familia nomo estas **BELLO** kaj mia antaŭnomo estas **Souleyman**. Mi havas 17 jarojn. Miaj hobioj estas legado, piedpilko kaj muziko. Mia amikino Lucas donacis skribilojn kaj krajonojn lastjare. Post studado de libretoj mi ricevis atestilon kiel *Stelo.*

Mi estas **MINTCHI Justine**, 19-jara lernantino Miaj hobioj estas legado, manpilko, muziko. Jonathan estas mia leteramiko. Li donacis al mi dentobroson kun dentopasto kaj bombonojn. Lia instruistino nomiĝas Monika Molnar. Ni studis la libreton *Rakonto pri Tarofolioj el Afriko*. Ĝi estas tre interesa. Monique Arnaud (Francujo) sendis ekzemplerojn de ĝi al ni.

Mi nomiĝas **Davo Rodrigue**, lernanto en la 3-a klaso. Mi lernas la Internacian Lingvon de 2008 kaj havas 14 jarojn. En miaj liberaj tempoj mi ludas futbalon, gitaron, legas kaj retumas per *Facebook*. Clémentine estas mia leteramikino el Svislando. En la revuoj *Esperanto* kaj *IPR (Internacia Pedagogia Revuo,* la organo de ILEI), mi vidis la fotojn de nia instruisto dum konferenco de ILEI kaj Universala Kongreso en Danio.

Mi nomiĝas **AHONON Gobi Parfait**, lernanto en la tria klaso. Miaj hobioj estas : dancado, futbalo kaj kantado. Mi eklernis Esperanton antaŭ 3 jaroj. Nia instruisto ekzamenis nin pri la himno de Esperanto. Mi bone kantis parkere ''La Espero'' kaj ricevis ateston. Tre interesa estis la rakonto de nia instruisto pri sia vojaĝo al Kopenhago. Ankaŭ li montris bildojn. Sinan estas mia plumamikino. Ŝi frekventas 'Ecole de la Grande Ourse' en La Chaux-de-Fonds.

Mi estas **HOUDJI Abelo**, lernanto en la tria klaso. Mi lernas Esperanton de 2009 kaj havas 14 jarojn. En miaj liberaj tempoj mi ludas piedpilkon, gitaron kaj retumas per *Facebook*. Mia amikino estas Débora. En Februaro 2012 ni faris desegnaĵojn por Centre Culturel SAINT NAZAIRE ESPERANTO (Francio). Estis konkurso pri desegnaĵoj.

Mia familia nomo estas **EKE** kaj mia antaŭnomo estas **Athanase**. Dank' al Esperanto, mi malkovris sorobanon el Japanio. Mi estas en la tria klaso kaj ŝatas danci kaj korespondi.

La lernantoj de tiuj du lernejoj partoprenas en la Ne-Registara Organizo « **Infanoj Ĉirkaŭ Afriko** » kiu fondiĝis en 2009. Gvidas la organizon estimata sinjoro Latifou GBADAMASSI, kiu estas vaste konata pro sia sindona laboro por Esperanto kaj **al kiu *Interkultura mondo* esprimas Koran dankon pro la disponigitaj materialoj**!

La agadon subtenas diversmaniere interalie Ronald GLOSSOP (Usono), SAT, ILEI, Gilles WALLEZ, Monique Arnaud kaj Philippe Pellicier, Jeanne-Marie CASH (Francio), k.t.p.

Ĉu vi volas konatiĝi kun tiuj ĉarmaj esperantistoj, karaj legantoj? Do, skribu al:

Latifou GBADAMASSI, BP 302 Lokossa (Bénin).
**Retadresoj** : latifougbadamassi@yahoo.fr kaj infanojcxirkauxafriko@gmail.com

**VORTKLARIGOJ** por 'Legu kaj Ĝuu (p. 28-33)

*procezo:* serio de paŝoj per kio io pretiĝas aŭ evoluas
*etapo:* unu parto de procezo. Unu paŝo en serio
*kongrua:* en sama kaj konvena stilo kun la ĉirkaŭaĵo
*presplato:* metala folio kun la enhavo de presota paĝo
*renesanco:* historia periodo en kiu arto kaj kulturo floris kaj 'renaskiĝis' en Eŭropo, inter la 14a kaj 167a jarcentoj
*kverko:* speco de granda arbo, kiu produktas glanojn
*ribelo:* grupa kontraŭstaro
*adolto:* plenskreskulo
*kavaliro:* surĉevala batalanto
*kidnapo:* perforta malliberigo de persono
*gento:* homgrupo, tribo
*averto:* antaŭdiro pri danĝero
*admono:* diro, ke io ne estas bona aŭ konvena.

# Internacia Jaro de Daŭriva Energio por Ĉiuj Homoj
## kaj
## Sur La Spuro De Medifavora Energetiko

2012
INTERNATIONAL YEAR OF
SUSTAINABLE
ENERGY FOR ALL

La jaron 2012 Unuiĝintaj Nacioj proklamis la ***Internacia Jaro de Daŭriva Energio por Ĉiuj Homoj***. Ĉu vi scias kial? Ĉu vi scias kio estas daŭriva energio? Kaj ĉu vi imagas vivon sen energio? Ĉu vi imagas, ke grandan parton de la tempo vi dediĉas al kolektado de brulligno aŭ al portado de akvo neglektante vian edukitecon? Ĉu vi imagas mankon de ĉiutagaj informoj, kiujn vi ricevas legante gazetaron, aŭskultante radion aŭ trarigardante interreton? Ĉu vi imagas mankon de avertoj antaŭ fulmotondro, uragano aŭ inundo? Ĉu vi imagas funkciantan hospitalon sen liverado de energio? Kaj ĉu vi imagas vesperan promenadon tra la stratoj de nelumiga urbo?

Tio estas nur kelkaj demandoj, kiuj konsciigas al ni kiel/kiom granda influo al nia vivo havas energio, sed manko de ĝi devigas nin vivi malriĉe kaj kaose. Ne nur gravas la signifo de energio, sed egala atingebleco al ĝi por ĉiuj homoj. Ni devas lerni racie mastrumi energion, limigi kvanton de forĵetaĵoj kaj ĝuste eluzi ilin, kontraŭagi la forcejan efikon limigante emision de karbona dioksido.

Ne sufiĉas tamen popularigi scion pri la temo de utiligo de renovigaj fontoj se ekzemple ni ne scipovas efike batali kontraŭ sovaĝaj rubaĵejoj. Tial gravas, ke ni ellernu novan pens-manieron pri la energio kaj medio, formu socian sentemon, kune solvu internaciajn problemojn kaj pensu ankaŭ pri venontaj generacioj. Ni devas kompreni, ke ni ne rajtas lasi nian planedon al venonta generacio en pli malbona stato ol ni ĝin trovis. Ni do subtenu ĉiujn teknologiojn ebligantajn protektadon de la medio kaj klimato kaj utiligon de la fontoj de la renoviĝantaj energioj, ĉar moderna energetiko influas socian egalecon, protektas medion kaj subtenas ekonomian progreson, kaj do pliperfektigas kvaliton de homa vivo en la mondo.

La revuo *Juna Amiko* instigas vin al diskuto pri la temo de la protektado de nia medio sub la titolo: **Sur La Spuro De Medifavora Energetiko.** Vi prezentu, kion donas al ni ŝparado de la energio kaj utiligo de renovigaj fontoj. La celo de la diskuto estu ne nur kreativeco kaj scio kampe de medio-protektado kaj ekologio, sed antaŭ ĉio maniero de la protektado de nia planedo antaŭ negativaj efikoj de agado de la homo.

Kunligiĝu al la celebrado de *Internacia Jaro de Daŭriva Energio por Ĉiuj Homoj.*

Małgosia Komarnicka

*Karaj kvizemuloj,*

*Jen dekopo de kvizotaskoj. Fideluloj certe partoprenos. Ni volonte bonvenigos novajn partoprenantojn. Pri la gajnintoj de la antaŭa kvizo, legu sur paĝo 49.*

*Deziras agrablan amuziĝon kaj sukcesajn solvojn,* *Dieter Berndt*

# KVIZO-LUDO


Prizorganto de la rubriko: *Dieter Berndt,* Germanio

*esperanto-berndt@web.de* Berolinastr. 2, DE-10178 Berlin, Germanio.


**N-ro 2012/2** (Limdato: la 1a de januaro, 2013)

| | |
|---|---|
| 1 | Aldonu finaĵojn. la__ viv__ maljun__ virin__, ki__ hav__ du fil__. La pli jun__ de ili dev__ ĉiutag__ ir__ en la arbar__ por kolekt__ lign__. Foj __ li ir__ tre malproksim__ kaj renkont__ ali__ knab__. |
| 2 | Skribu frazojn, kiuj enhavas: granda - malgranda; bela - malbela; forta-malforta, kuraĝa – malkuraĝa, longa, mallonga. |
| 3 | Kion vi scias pri fervojo kaj fervojistoj? Skribu almenaŭ kvin frazojn. |
| 4 | Skribu 5 substantivojn, kiuj konsistas el nur du afiksoj. |
| 5 | En ĉiu frazo estas kaŝita nomo de urbo. Trovu ilin! - Ĉu estas ĉio ĉe vi en ordo? Mia amiko venos longe post mi. Patro montris al mi la urbon. En nesto kion ni trovos? |
| 6 | Korektu jenajn frazojn. Sur dimanĉo ni povi ne veni. Por la domo staris kelka arbojn. Mi volas ripozas sur tio banko. |
| 7 | Finu jenajn proverbojn: Vivu, progresu, sed lerni ... - Ne ekzistas regulo sen .... Tro rapida laboro, tro malgranda ..... |
| 8 | Uzu la interkrampan verbon por formi konvenan verbon kun afikso: - Mi (ir) jam tre frue. Hieraŭ mi (don) pruntitan libron. - Post longa (lern) mi laciĝis. |
| 9 | Kun T printempo la komencon festas; Kun D ĝi en ĉiu semajno estas. (La unua frazo validas por la plimulto de la norda hemisfero) |
| 10 | Kion havas porko, cervo kaj karpo kion ne havas kato, hundo kaj pulo? |

**Respondo por la kvizo 1/12**: 1. La plej maljuna membro de nia grupo festos morgaŭ sian 50an naskiĝtagon. - Li diris al mi, ke li certe venos sabate je la 6a horo. - La knabinoj ridis, ĉar ili estis gajaj. 2. Diversaj respondoj. 3. mondopartoj; kvarpieda, dompordo. 4. triope, trifoje, trioble. 5. testudo, mateno, semajno, kuniklo. 6. rakonto pri malnova okazaĵo; homo, kiu vojaĝas; neatendita afero; restaĵo de disfalita konstruaĵo; tre alta temperaturo de la korpo. 7. Se li parolas Esperante. 8 - 9 - 10. Diversaj respondoj.

Luiza CAROL

# SURVOJE AL TAGIĜURBO

## Sceno 1.

*[Maljuna s-ino Verdamonto sidas sur seĝo de trajn-vagono. Ŝi manĝas biskvitojn, kiujn ŝi prenas el saketo. Ŝi trinkas mineralan akvon el botelo. La trajno estas veturanta (aŭdiĝas la bruo de la radoj). Eniras la bilet-kontrolisto, s-ro Majavento.]*

S-RO MAJAVENTO: Saluton! Bonvolu prezenti vian bileton, s-ino! *[Li atente rigardas la sinjorinon, dum li markas ŝian bileton.]* Ho! Kiel surprizo! Kiel vi fartas, s-ino Verdamonto?

S-INO VERDAMONTO: Mi fartas bone, dankon... dankon... Sed... de kie vi konas min?

S-RO MAJAVENTO: Kompreneble, vi ne plu rekonas min! Vi estis mia instruistino en Tagiĝurbo, en la unua jaro de la elementa lernejo...

S-INO VERDAMONTO: Ĉu vere? Nu... mi jam malbone vidas... ĉar miaj okuloj laciĝis...

S-RO MAJAVENTO: Mi estas Majavento... Ĉu vi rememoras? Majavento...

S-INO VERDAMONTO: Majavento?! Ĉu tiu knabeto, kiu ludadis buŝharmonikon? Ĉu vere?! Karulo! Vi estis tiom eta... Ve, kiom rapide pasas la tempo...

S-RO MAJAVENTO: Mi ofte pensas pri vi, kara sinjorino.

S-INO VERDAMONTO: Ĉu? Kie vi loĝas nun? Ĉu vi havas infanojn?

S-RO MAJAVENTO: Mi daŭre loĝas en Tagiĝurbo. Mi havas du gefilojn. Mi ofte rakontas al ili pri vi...

S-INO VERDAMONTO: Ĉu?

S-RO MAJAVENTO: Jes, ja... Vi havis multegajn gelernantojn, s-ino... Sed ĉiu el ni havis unu solan instruistinon en la unua jaro de lernado... Ho, mi rememoras multegajn tiamajn eventetojn... kun mil detaloj...

S-INO VERDAMONTO: Ĉu?

**VORTKLARIGOJ en aper-ordo**

*emeritiĝis:* ne plu devis labori pro atingo de supra aĝ-limo. Kiu emeritiĝas kutime ricevas pension.
*skuas:* moviĝas de flanko al flanko.
*avantaĝo:* plusa bono
*kondiĉo:* tio, kio necesas por atingi rezulton.
*vualo:* iom travidebla kap-tuko, kiu foje kaŝas ankaŭ la vizaĝon.
*vualiĝas:* ekestas malklara, kvazaŭ rigardata tra vualo.
*krepusko:* la lumo je tagiĝo aŭ tagfino, antaŭ sunleviĝo aŭ post sunsubiro.
*dislekcio:* malsano en kiu oni ne kapablas legi literojn en la ĝusta ordo, sed vidas ilin miksitaj.
*enue:* seninterese.

S-RO MAJAVENTO: Mi ĉiam rememoros tiun tagon, kiam vi rakontis al ni fabelon, kiu nomiĝis 'Por ĉiu ago, venas tempo de pago'.

S-INO VERDAMONTO: 'Por ĉiu ago, venas tempo de pago'... Jes, jes, mi rememoras. Mi delonge ne revizitis Tagiĝurbon... Post kiam mi emeritiĝis, mi transloĝiĝis kaj... *[Ŝi metas la manon sur la okuloj.]*

S-RO MAJAVENTO: Ĉu vi estas laca, sinjorino?

S-INO VERDAMONTO: Jes... tre laca. Miaj okuloj doloras min. Sed ne gravas, ne gravas... Hodiaŭ, mi estas vizitonta kuracejon en Tagiĝurbo. Oni diras, ke tie, la kuracistoj kapablos igi miajn okulojn 20 jarojn pli junaj! Karulo, mi ŝatus dormi iomete... Ĉu vi bonvolas veki min, kelkajn minutojn antaŭ ni alvenos al Tagiĝurbo?

S-RO MAJAVENTO: Certe, certe, s-ino Verdamonto. Sed... ĉu vi kapablos dormi en tia bruo, dum la trajno skuas?

S-INO VERDAMONTO: Ne zorgu, kara Majavento. Mi ĉiam ekdormas facile kaj tre profunde.

S-RO MAJAVENTO: Ho, tio devas esti granda avantaĝo, ĉu ne? *[Ekparolas rapide.]* Mi ĉiam ekdormas malfacile, kaj poste sentas min laca dum la tuta tago. La plej malgranda bruo povas ĝeni min. La plej malforta lumo povas ĝeni min. Kiam mi ja havas ĉiujn kondiĉojn por dormi, mankas al mi tempo por dormi. Kiam mi ja havas tempon, mankas al mi la trankvilo. Kaj kiam... kiam... *[Ekparolas al si mem, malpli rapide.]* Ho... nekredeble... nekredeble... nekredeble... ŝi jam ekdormis! *[Li foriras.]*

## Sceno 2.

[ *S-ino Verdamonto ekstaras kaj eliras el la vagono. Ŝi povas eventuale subiri el la scenejo kaj promeni inter la homoj en la publiko. Ĉesas la bruo de la trajn-radoj.*]

S-INO VERDAMONTO: Kiom rapide mi alvenis al Tagiĝurbo! Neniam la trajno veturis tiom rapide! Kaj kiom stranga la urbo ŝajnas hodiaŭ! Nekredeble! Ĉu Tagiĝurbo vualiĝas en stranga krepusko... aŭ eble la krepusko vualas miajn okulojn...? Lastatempe, ĉio kaj ĉiuj ŝanĝiĝas tiom rapide ĉirkaŭ mi... Ve, ju pli mi maljuniĝas, des pli malbone vidas... *[Ŝi sidiĝas sur ben kon apud arbo.]* Ho, mi malsatas... kaj mi forgesis la biskvitojn en la trajno... *[Eniras sciuro portanta saketon da biskvitoj.]*

SCIURO: Saluton, s-ino Verdamonto. Ĉu vi rememoras min? Dum jaroj vi kutimis alporti



biskvitojn en la parkon por mi. Nun estas mi, kiu alportas al vi biskvitojn. Por ĉiu ago, venas tempo de pago...

S-INO VERDAMONTO: Ĉu? Dankon sciureto, koran dankon...

SCIURO: Nedankinde... *[Ĝi malaperas. La sinjorinino manĝas biskvitojn el la saketo.]*

S-INO VERDAMONTO: Ho, kiom forgesema mi fariĝis! Ankaŭ la akvo-botelon mi forgesis en la trajno... Kaj nun mi soifas...

ARBO: Ne zorgu, kara s-ino Verdamonto. Dum jaroj vi akvumis la poplon apud via domo. Mi estas la parenco de tiu poplo. Hodiaŭ estas mi, kiu donacas al vi akvon. Por ĉiu ago, venas tempo de pago... *[La arbo donas al la sinjorino akvobotelon.]*




S-INO VERDAMONTO: Ĉu? Dankon arbo, koran dankon... *[Ŝi trinkas.]*

ARBO: Nedankinde...

S-INO VERDAMONTO: Ho, ve! Mi forgesis la adreson de la kuracejo ... Kaj nun, kiel mi iros tien? *[Alvenas s-ino Dianto.]*

S-INO DIANTO: Saluton, s-ino Verdamonto! Ĉu vi rememoras min? Mi estas Dianto! Antaŭ multaj jaroj, mi falis de mia biciklo kaj frakasis mian kruron...

S-INO VERDAMONTO: Jes... mi rememoras...

S-INO DIANTO: Vi veturigis min al hospitalo kaj telefonis al miaj gepatroj...

S-INO VERDAMONTO: Jes... mi rememoras...

S-INO DIANTO: Nun estas mi, kiu akompanos vin al la kuracejo. Por ĉiu ago, venas tempo de pago... Bonvolu veni en mian aŭton! Bonvolu!

S-INO VERDAMONTO: Dankon, karulino... Koran dankon...*[Ili eliras kaj oni aŭdas la bruon de ekveturanta aŭto.]*

## Sceno 3.

*[En la kuraceja kabineto de D-ro Bonateo. La kuracisto ĝoje brakumas s-inon Verdamonto.]*

D-RO BONATEO: Ho, saluton s-ino Verdamonto! Ha, ha! Kompreneble, vi ne plu rekonas min! Vi estis mia instruistino en la elementa lernejo! Mi estas Bonateo, la disleksia knabo. Antaŭ multaj jaroj, oni ne sciis, kio disleksio estas, kaj ĉiuj opiniis, ke mi estas tute stulta. Sed vi amis min kaj paciencis, helpis min ĉiutage progresi... Danke al vi, mi sukcesis legi kaj skribi. Okazis, kvazaŭ vi sorĉe deprenis vualon de sur miaj okuloj...

S-INO VERDAMONTO: Ĉu? Ĉu?
D-RO BONATEO: Kaj baldaŭ estos mi, kiu deprenos vualon de sur viaj okuloj... Por ĉiu ago, venas tempo de pago...
S-INO VERDAMONTO: Ĉu? Ĉu?

**Sceno 4.**

*[S-ino Verdamonto dormas en la trajno, kun la saketo da biskvitoj enmane kaj la botelo de minerala akvo apude. Denove aŭdiĝas la bruo de trajnradoj. Eniras s-ro Majavento.]*

S-RO MAJAVENTO: Sinjorino! Sinjorino! Vekiĝu! Post kelkaj minutoj ni alvenos al Tagiĝurbo.
S-INO VERDAMONTO: Ĉu? Ĉu? Ho, dankon...
S-RO MAJAVENTO: Nedankinde... Tute nedankinde...
S-INO VERDAMONTO: Dankon, ke vi rememorigis al mi tiun fabelon...
S-RO MAJAVENTO: Ho, jes, ha ha... 'Por ĉiu ago, venas tempo de pago', ha ha... Bedaŭrinde, tio okazas malofte en la reala vivo, ha ha...
S-INO VERDAMONTO: Karulo, mi ne bedaŭras, ke la realo estas tia. Kiom enue estintus, se ĉiuj farintus bonajn agojn, nur por ricevi certajn bonajn pagojn! Mankintus la amo, la entuziasmo, la tuta homa emocio... Mankintus... la vivo mem!
S-RO MAJAVENTO: Saĝaj vortoj, sinjorino. Ankaŭ mi opinias ke, kiu faras bonajn agojn pro amo, tiu estas pagata per sia propra ĝojo...
S-INO VERDAMONTO: Per ĝojo, kaj per bonaj sonĝoj en la maljuneco...

*[La trajno haltas. Ili adiaŭas. Ŝi subiras el la scenejo.]*

--- *Fino* ---

## Malnovaj numeroj de Juna amiko

Ni povas liveri ekzemplerojn de malnovaj numeroj de *Juna amiko*. De lastatempaj numeroj ni havas plenan kolekton, de malpli novaj la kolekto ne estas kompleta.

Kontraŭ pago de €10 ni povas liveri sep ekzemplerojn: antaŭpakitaj estas la plena j jarkolektoj de 2009 kaj 2010 plus 2006/3. Vi rajtas peti aliajn numerojn, sed listigu dek en preferordo, kaze ke iuj mankas. Pagoj povas iri al la konto ĉe UEA: *juna-l*, al la kasisto de ILEI, aŭ tra via landa peranto, se tiu konsentos – ekzemple, kiam vi reabonos por 2013. Sendu la mendon al <stefan.macgill@gmail.com> (fizika adreso sur p 50), ĉar la stoko kuŝas en Budapeŝto.

# Solena festado kun Zamenhof en Szczawno Zdrój

Silezia Esperanto-Asocio ĉi-jare festis sian jam 45an Internacian Esperanto-Feriadon. Ĝi okazis en Szczawno Zdrój (Ŝĉavno-Zdruj) inter la 5 kaj la 12an de aŭgusto. Ĉi-jara feriado estis unika, ĉar ni havis eblecon festi ankaŭ jubileon de 125-jara ekzisto de Esperanto kaj 100-a datreveno de restado de Ludoviko Lazaro Zamenhof en Szczawno Zdrój, kiu tiam estis germana kuracloko kaj nomiĝis Bad Salzbrunn.

Ĉi-tie en la jaro 1912 inter la 3-a de junio kaj la 6-a de julio kuracis sin L.L.Zamenhof. Probable li ĝuste en ĉi tiu loko entreprenis sian definitivan decidon ĉesi ĉefroli en la Esperanto-movado. El historio ni scias, ke la 11-an de aŭgusto 1912 dum la 8-a Universala Kongreso de Esperanto en Krakovo okaze de la 25-jariĝo de la Lingvo Internacia li diris:

> *"La nuna kongreso estas la lasta, en kiu vi vidas min antaŭ vi; poste, se mi povos veni al vi, vi vidos min ĉiam nur inter vi."*

Dank' al Roman Dobrzyński kaj la loka esperantistino Elżbieta Stańkowska sukcesis trovi la vilaon, en kiu loĝis Ludoviko Zamenhof kaj kiu tiam nomiĝis "Waldfrieden" (Arbara Paco). Hodiaŭ la vilao nomiĝas "Franciszek" kaj la 5an de aŭgusto 2012 antaŭ ĝi okazis la plej grava parto de la feriado, solena enmurigo de memortabulo. Ĉi tiun gravan eventon ĉeestis partoprenantoj de esperantaj ferioj, la nuna posedantino de la vilao, la loĝantaro de la urbo kaj la urbestro de Szczawno Zdrój Tadeusz Wlaźlak, kiu entuziasme akceptis la ideon celebri la 100-an datrevenon de la kuracestado de Ludoviko Zamenhof tie antaŭ cent jaroj.



Publika koncerto de JoMo en bela urba parko inaŭguris la 45-an Internacian Esperanto-Feriadon en Szczawno-Zdrój. La koncerto estis okazo por informi pri la 125-a naskiĝdatreveno de Esperanto al loĝantoj kaj personoj, kiuj alvenis kuraci sin en tiu loko. La organizantoj eluzadis ĉiun okazon por mencii pri Esperanto.

Publika elpaŝo de Helena Biskup, kiu en la pola lingvo prezentis monodramon *Doktoro Esperanto* de Mario Miliucci en bela salono de Dom Zdrojowy (Kuracdomo) permesis travivi neforgeseblajn momentojn al ĉiu partoprenanto. Grava parto de la feriado estis Festivalo de Esperantaj Filmoj kadre de *3-a Filma Esperanto-Feriado.* Roman Dobrzyński ĉiutage vigle kaj interese prezentadis preparitajn de si filmojn, filmojn en

Esperanto por esperantistoj kaj por pola publiko filmojn pri Esperanto en la pola lingvo. La centro de la Filma Festivalo troviĝis en speciale destinita salono de Teatr Zdrojowy (Kuraca Teatro) situita en la centro de la urbo. En la sama bela salono du horojn pli frue, ĉiutage estis prezentita en la pola lingvo, la historio de Esperanto kaj ĝia kulturo de Małgosia Komarnicka. Tuj post la prelego okazis la E-kurso por komencantoj, kiun gvidis Małgosia Komarnicka kun Konstanty Tihomorov (Rusio). Ceterajn lingvokursojn por progresantoj gvidis Teresa Nemere, Halina Ziółkowska-Fiala, Volodymir Paciurko (Ukrainio) kaj Bernhard Schweiger (Germanio).

Alveninta el Hispanio, Emanuel Rovere per sia koncerto finis Feriadon lasante agrablan rememoron de E-kulturo al partoprenanta publiko.

Szczawno Zdrój situas 70 kilometrojn sude de Vroclavo kaj estas unu el la plej malnovaj kuracurboj en Pollando. Ĝi ravas ĉiun per sia ĉarmo, gastamo de loĝantoj kaj eblecoj por aktive pasigi la tempon. Szczawno Zdrój estas unu el kelkaj urboj en Pollando, kie urbestraro favoras Esperanto-medion. Dum la tuta feriado je nia dispono estis asignitaj la plej belaj lokoj en la urbo.

La aranĝon partoprenis preskaŭ 70 esperantistoj el naŭ landoj: Francio, Germanio, Ukrainio, Rusio, Belorusio, Rumanio, Aŭstrio, Hispanio kaj (plej multe) el Pollando. La ripozdomo 'Magnolia' estis la centra loko de la feriado. Tie okazis vesperaj aranĝoj, artaj programoj, dancoj kaj komuna kantado. Szczawno troviĝas en la regiono en kiu estas multaj vizitindaj objektoj, kiujn ni povis admiri. Interalie la belegan kastelon 'Książ' kaj la apudan palmejon en Lubiechów. Ni vizitis la Parkon de Miniaturoj en Kowary, kie ni admiris kelkdekon da modeloj de la plej konataj antikvaĵoj de Malsupra Silezio. Ni povis ankaŭ admiri belegajn panoramojn travojaĝante per trajno laŭ la valo de la Rivero Bóbr.

Mi estas feliĉa, ke mi povis ĉeesti Internacian Esperanto-Feriadon, ĉar dank' al ĝi mi povis konvinkiĝi, ke valoras lerni Esperanton ĝuste por tiaj belaj momentoj, kiujn mi pasigis en Szczawno, renkontiĝi kaj amikiĝi kun esperantistoj uzante la Internacian Lingvon. Mi tutkore rekomendas feriadon, kiun preparadas Teresa Pomorska, prezidantino de Silezia Esperanto-Asocio. Ĉeestante tiun feriadon vi vere ĝuos abundan turisman programon, nekredeblan etoson, bonan ripozon, admiros pitoreskajn pejzaĝojn, sed ankaŭ vi havos okazon lerni elektante inter divers-nivelaj alt-nivele preparitaj lingvokursoj. La programo de la Internacia Esperanto-Feriado estas tiel pripensita, ke ĉiu havas eblecon libere elekti la manieron de sia partopreno.

Oni povas diri, ke ĉi-jare la animo de Zamenhof gvidis min al Szczawno Zdrój...

Małgosia Komarnicka

# VERDA PAĜO

## Avantaĝoj de Esperanto-lernado

Aŭdante pri Esperanto, multaj homoj tuj starigas la demandon: Por kio lerni ĝin? Preskaŭ nenie oni povas utiligi ĝin. Tempo dediĉita al ĝia alproprigo estas senutila tempoperdo.

Ankaŭ mi ofte renkontis tiun opinion, tamen mi havas tute kontraŭan konvinkon.

Sendube, kiu tuj deziras riĉiĝi, tiu certe ne elektu nian lingvon. Malgraŭ tio, pluraj homoj tra la mondo, de longaj jardekoj restas fidelaj kaj sindone agadas por ĝi. Kial?

Miaopinie Esperanto havas du gravajn avantaĝojn. La unua venas el ĝia strukturo, dank' al kiu oni facile komprenas la gramatikon de sia gepatra lingvo kaj ĝia logika sistemo multe helpas en la alproprigado de fremdaj lingvoj. Ne hazarde oni rekomendas Esperanton kiel unuan fremdan lingvon, eksperimentoj en pluraj landoj pruvis ĝian propedeŭtikan valoron. Kaj tio estas granda avantaĝo, ĉar tre multaj lernantoj malfacile povas lerni fremdajn lingvojn. Por ili Esperanto estas kvazaŭ ĉiela helpo, dia donaco.

La alia, eĉ pli grava avantaĝo de Esperanto estas, ke ĝi edukas al demokratio, egaleco kaj internacia amikeco, kiuj estas altaj edukaj valoraĵoj en nia mondo, kiun eĉ nuntempe superregas naciismo, kaj ne malofte, malamo al tiuj, kiuj sekvas aliajn ideojn, ideologiojn. La historio de Esperanto klare montras, ke inter la parolantoj de nia neŭtrala pontlingvo ne ekzistas malamo, envio, ili komprenas siajn homfratojn de iu ajn nacio, respektas aliajn kulturojn kaj konvinkojn. Kaj se per tiu unika lingvo neŭtrala ankaŭ mi povas kontribui kaj ĝui la etoson de amikeco, mi devas labori por ĝi, ĉar per ĝi mi kontribuas al paca kunekzistado, kiun la homaro ege bezonas.

Nuntempe ne multaj parolas Esperanton, sed ĉiu el ili povas trovi amikojn en pluraj kontinentoj kaj kvazaŭ travivi la estontecon, por kiu la homaro laboras jam de multaj jarcentoj.

Labori por pli bela mondo donas apartan ĝojon, ĉar vi sentas en la koro, ke vi ne vivas vane, sed povas kontribui al la konstruado de pli feliĉa estonteco. Kaj tio meritas sindonan agadon.

*Geza Kurucz, Hungario*

Ĉu okazis, ĉu ne okazis, iam vivis kanguruo en Aŭstralio. Tie, eblas renkonti bestojn, kiuj por malaŭstralianoj estas ekzotikaj kaj interesaj.



Kanguruo Risorti saltis, saltis, kaj renkontis koalon, kiu sidis en eŭkalipta arbo manĝante foliojn. Risorti diris:

**"Ho, la turistoj ĉiam amas vin! Ili ne amas min. Mi estas ĵaluza."**

Risorti saltis, saltis plu, kaj renkontis kakatuon, kiu kriĉis alte sur branĉo. Risorti rigardis supren kaj al ĝi diris malkontente:



**"Ho, vi estas belkolora kaj vi havas laŭtan krion. Mi ne estas belkolora kaj krion mi ne havas. Ĵaluza mi estas."**



Saltis, saltis Risorti plu kaj renkontis emuon.

**"Ho, vi demetas grandegajn ovojn. Mi ne povas demeti ovojn, eĉ ne malgrandajn. Mi ĵaluzas."**

Risort-saltis la kanguruo plu kaj renkontis ornitorinkon, kiu aperis riverborde.



**"Ho, vi estas ekzotika kaj biologoj el la tuta mondo atentas vin. Neniu atentas min. Kontraŭe, farmistoj pafas min! Ĵaluzas mi."**

Risortumis Risorti plu, kaj renkontis serpenton, sunumante sin sur roko. El sekura distanco, ĝi diris:



**"Ho, vi havas fortan venenon. Mi tion ne havas. Sentas mi ĵaluzon."**

## Aŭstralia fabelo – La ĵaluza kanguruo

Risorti pluiris salte, kaj vidis bestaron antaŭ si. Per tia koincido, kiu okazas nur en fabeloj (kaj B-nivelaj usonaj filmoj) ariĝis ĉiu ĵus renkontita besto. Koruse, ili diris:



**"Ho, ni ne havas poŝon! Kien ni metu niajn naztukojn, monerojn kaj poŝtelefonojn? Ĵaluzon sentas NI ! "**

Kontente kaj ne plu ĵaluza, saltas for la kanguruo. Dumsalte, ĝi elpoŝigas sian telefonon kaj vokas la familion.




smg



# LASTE

LA ABSOLUTE SPEKTAKLA TRIA ETAĜO

Rubrikestro: Ŝtefan MacGill

Ĉu vi scias en kiu lando okazis la Universala Kongreso ĉi-jare? Ni ne diros al vi. Vi bonvolu solvi la suban krucenigmon, kaj vi malkovros la solvon. Ĉu vi scias la landojn de la sekvaj du Universalaj Kongresoj? Ĉu vi povos verki krucenigmon, kiu enhavas la du landojn aŭ la du urbojn (aŭ ĉiujn kvar!). Se vi sukcesos, sendu ĝin al ni!

R = uzu nur la radikon.




## Horizontale →

2. Kiel la klimato en la UK-urbo. En Hanojo _____ (8: 4+2+2)
8. La festa akcepto komenciĝas ____ la sepa horo. (2)
9. Kondukil' por 'nigra oro' (6: 3+3 R+R)

10. Mi vidas rampantan beston kun multaj pikiloj dorse. Mi vidas __________ (8)
12. En la kongresa urbo en la somero, ofte fulmas kaj __________. (7)
13. Konstruaĵ', kie kutime loĝas homoj, eble foje laboras. (3 R)
14. Tri plus kvar plus unu = ____ (2)
15. Panjojn de panjoj. "Mi havas du __________." (9)
18. Apartenas al mi. Estas ______. (3)
19. Unuiĝintaj Arabaj Respublikoj (mallongigo, 3)
21. Celanta daŭre atingi iun nedifinitan lokon (8: 3+2+3)
23. Frakcio, parteto. (3)
24. La moneroj en Japanio. (4)

## Vertikale ↓




1. Daŭra miaŭado (10: 4+3+3)
2. La lando de la Universala Kongreso en 2012. (9)
3. La mikso de gasoj, kiujn ni spiras. 'Pura ______ estas homa rajto.'
4. Nian terglobon: 'En la ________ venis nova sento...' (6)
5. Averto. Ofte temas pri sonorilo aŭ sireno kiu indikas danĝeron (6)
6. Akceptebla, bonkonduta, bonaspekta. 'Tio ne estas ____ jupo.' (4)
7. Nia stel' (3 R)
11. Pra-loĝanto de ameriko. (7)
16. La ĉefurb' de Aŭstrio (4 R)
17. La mon-unu' de Ĉinio – la lando de la 45a ILEI-Konferenco (4 R)
20. Marbest' kun grandaj 'flugiloj' kaj ofte pikokapabla vosto. (3 R)
22. Prefikso kun signifo 'denove'. 'Ĝis ____vido!' (2)

Sendu al ni vian solvon de la enigmo ĝis la unua de januaro 2013. Ni lotumos premiojn inter la respondontoj! Skribu vian aĝon kaj plenan poŝtan adreson!

**La plej bonaj respondoj por la kvizo de Dieter Berndt el la lasta numero estis: 1. Maria Molnar el Hungario kun 18 poentoj, 2. Jindřiška Drahotová kun 17 poentoj kaj 3. Blanka Hužerová kun 16 poentoj, ambaŭ el Ĉeĥio. Gratulon kaj multajn sukcesojn por la nova kvizo, kiun vi trovos (aŭ jam trovis) sur paĝo 39.**

## Infanoj kunvenis, kunfestis en Balto!

La apuda foto-mozaiko montras scenojn el la prezentaĵo de la infanoj kaj gvidantoj el la Internacia Infana Kongreseto (IIK) en la fermo de la Universala Kongreso (UK) en Vilno, Litovio, en julio 2005. La IIK okazis kun kvardeko da partoprenantoj en bela arbaro apud Vilno. Dum IIK muziko ludis grandan rolon, kun surloka orkestro – flutisto kaj violonistoj videblas sur la fotoj, kiujn faris Sjoerd Bosga (Svedio). La paĝon teknike pretigis Karina MacGill.

## Abonprezoj por 2013 samaj!

Por la sekva jaro la abonoj por nia revuo restos samaj kiel nun – samos ankaŭ la ofteco (3-foje jare) kaj la amplekso (52 paĝoj). Perantoj en tridek landoj akceptos viajn kotizojn; akcepteblas ankaŭ pagoj al la konto **juna-l** ĉe UEA. Nia administranto restas Sebastian Cyprych en Pollando <sebacyp@jabster.pl>

| | A-lande | B-lande |
|---|---|---|
| JA - jarabono | € 16 | € 11 |
| Ekde 3 ekz., po | € 13 | € 9 |

Donac-abonoj ege bonvenas, kiel ankaŭ klasaj aŭ grupaj abonoj por lernantoj!

**Eldonanto** de *Juna amiko*: Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI) jura sidejo: CO de UEA, Roterdamo, Nederlando. **Retejo:** sub rekonstruo ĉe <ilei-mondo.info>. Vidu <lernu.net> kaj <edukado.net>. **Redaktoro por la nuna numero**: *Stefan MacGill* (Pannónia u.30.I.6, HU-1136 Budapest, Hungario, *stefan.macgill@gmail.com*) **Lingva revizianto**: *Baldur Ragnarsson* (Islando).

**Rubrikestroj:** *Judit Felszeghy, Karina MacGill, Juliana Vas-Szegedi* (ĉiuj Hungario), *Małgosia Komarnicka* (Pollando), *Monika Molnár* (Svislando), *Elena Nadikova* (Rusio). **Kunlaborantoj**: *s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki* (Finnlando), *Neringa Zasaite* (Litovio), *Jean Monique Noël* (Francio), *Jadranka Mirić* (Serbio), *s-ino Saranath* (Hindio), *Dieter Berndt* (Germanio), *Evandro de Freitas* (Brazilo), *Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz,* (Hungario), *Marija Belošević* (Kroatio), *Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *José J. Campos Pacheco* (Kubo), *Jasuo Hori* (Japanio), *Gian Piero Savio* (Israelo), *Nguyen Thi Ngoc Lan* (Vjetnamio),. **Grafikisto**: *Pavel Rak* (Ĉeĥio). **Kovrilaj pretigoj**: *Karina MacGill* (Hungario) Presita en Budapeŝto, Hungario

**Administranto**: *Sebastian Cyprych* <sebacyp@jabster.pl>

**ISSN 0230 1318**

**La sekva numero principe aperos en decembro, se sukcesos la delonga serĉo por nova redaktoro (vidu paĝon 9).**



Foto de skulptita pupo rigardebla en la retejo de Karina MacGill, kie vi povas enskribi komentojn. **Vidu paĝon 26**

Jen la emblemo de la **esperanta** parto de la retejo **DA**

Esperantistoj-de-DA